VIIa jaro. No 93 ★ Duonmonata ★ 20 Januaro 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

**Jara abono** . . . . . . **1,60 $** (4 fr. ») 
**Luksa eldono**. . . . . **2,50 $** (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :

HECTOR HODLER

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco). . **$ 0,20**
**Anonceto** (1 linio : 10 vortoj). . . **$ 0,15**
**Korespondado** (1 enskribo) . . **$ 0,20**

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

**Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)**

## TEKSTO



# MI VIN NE KONAS

En la unua kongreso de U. E. A. oni aŭdis proponon ke la esperantistaj societoj kaj grupoj ne estu akceptataj kiel Esperantiaj Entreprenoj « ĉar per tiu aranĝo la varbado de ordinaraj esperantianoj estas tre malfaciligata al la Delegito ; la anoj de tiaj societoj preskaŭ senescepte rifuzas la aliĝon al U. E. A. simple dirante : mia societo ja jam aliĝis kaj per tio ni mem ankaŭ estas Esperantianoj ». La kunvenintoj en Augsburg kaj Washington malsame opiniis pri tiu propono, sed fine, ĝi estis malakceptata de la Delegitoj kiuj voĉdonis la novan statuton per granda plimulto.

Rebati la argumentojn de la estiminda raportinto, ŝajnas al mi facila kaj utila tasko.

Por fariĝi membro de U. E. A. ekzistas nur unu maniero : aliĝi *persone*, subskribante specialan paperon kaj pagi la kotizajon. Ĉar la esperantianeco donas rajtojn kaj ankaŭ trudas devojn, la subskribo de aliĝilo estas necesa : per tio la membroj certigis ke ili aprobas la principojn kaj celon de nia Asocio kaj morale submetiĝas je ĝiaj statuto kaj regularoj. Plie, la esperantianoj ne estas nur pli malpli varmaj aprobantoj de U. E. A. ; ili efektive partoprenas ĝian vivon, ili uzas ĝiajn servojn. Por tio, ili bezonas scii ĝian oficialan lingvon, Esperanto. Certe la momento ne jam venis ke ni trudu al ili la scion de la Zamenhofa lingvo, kiel al la regnanoj la registaroj trudas la scion de la nacia. Sed almenaŭ, subskribigante de la aliĝanto formulon nur esperante redaktitan, ni donas al li la konscion, ke tiu scio estas por li necesega, se li volas ne blinde partopreni la agadon, kaj subteni la klopodojn de la andro kun kiu li sin ligis.

Ĉu nun mi devas klarigi kial estas necese ke ĉiu membro pagu la jaran kotizajon ? U. E. A. faras servojn ; la esenca radaro por la funkciado de tiuj servoj estas la Delegitoj. Ĉu eble kelkaj personoj kredas ke la 900 nunaj venis al ni ĉiam propramove, sen klopodoj de ni faritaj ? Jen urbo, grava laŭ turismo, komerco aŭ industrio kaj en kiu ne estas Delegito : ĉiu homo kiu de sufiĉe longe partoprenas nian movadon, senpene divenos kiom da leteroj nerespondotaj, kiom da vanaj priserĉoj kaj alvokoj estos necesaj por trovi la taŭgan homon, kiu tie kreos la unuan esperantian kernon bezonatan. Plie, trovi Delegitojn ne sufiĉas. Ofte, ili ŝanĝas sian loĝejon, iafoje eksiĝas, ĉiam bezonas skribadi al la Centra Oficejo de U. E. A. por informiĝi pri tiu aŭ alia punkto de sia ofico. Entute tio kaŭzas grandegan laboron ; tiel grandan, ke en la lastaj monatoj la nombro de la leteroj pri ĉiuspecaj temoj, kotizajoj, mendoj, informoj, en Ĝenevo ricevitaj aŭ forsenditaj atingis preskaŭ cent ĉiutage. Por ilin respondi, klasigi kaj plenumi la mendojn ni nun havas, — krom la direktoro kaj vicdirektoro kiuj, senekzempla fakto en la plej senprofitemaj institucioj, senpage donas sian tutan tempon kaj vivon por nia Asocio, — ses oficistojn apenaŭ sufiĉantajn por tia tasko, kaj kiuj, kvankam modeste pagitaj, ne povas vivadi senmone. Ĉiu scias ankaŭ ke la tarifo de la internaciaj poŝtsendoj estas tre alta kaj ne miros, se la elspezoj por korespondado atingis Sm. 110 por la novembra monato. Fine, unu el la plej gravaj servoj kiujn ni faras al niaj membroj estas la senpaga livero de nia jarlibro. La lasta eldono, kiu enhavas 150 paĝojn estas tre zorge farita, kaj neniu neos, ke ĝi preskaŭ sola valoras la kvindekspesdekan kotizajon. Ĉu do ni devas ankaŭ ĝin sendi senpage al ĉiu membro de la esperantistaj grupoj, kiuj entute pagis duspesmilan kotizajon ?

Ke nia kotizajo estas tre malalta rilate al la elspezoj necesaj en Asocio kiel nia, je vasta celo kaj internacia

agadkampo, ŝajnas nedubinde ; se ni komparas U. E. A. kun aliaj similaj Asocioj kiel, ekzemple, franca Turing-Klubo aŭ Cosmopolitan Correspondence Club, ni vidas ke tiuj lastaj havas kotizajon da almenaŭ 2 Sm. Se do ni volas efektivigi nian tutan programon, kiu vere estas granda, kaj indas penadojn de altcelaj homoj, ni nepre devas havi aliajn monrimedojn krom la simplaj kotizaĵoj. Dumvivajn membrojn, tiun aron de malavaraj subtenantoj, dank al kiu ĉiu juna kaj agema Asocio povas venki la malfacilaĵojn de la unuaj jaroj, ni nepre bezonas ; kaj nur granda nombro da Esperantiaj Entreprenoj per sia kvinspesmila kotizaĵo, ebligos ke, krom la komunaj servoj al niaj membroj, ni komencu interesajn laborojn, kiel kreo de turisma bulteno, de statistika fako por komerco kaj industrio, k. a., por kiuj ni bezonas specialajn oficistojn.

* *

Sed nun mi aŭdas alian diron : « Mi do ne estos esperantiano, kvankam mia grupo aliĝis kiel Esperantia Entrepreno, sed vere tio ne estas grava. Ĉu mi tamen ne estas esperantisto ? Kaj ĉu esperantistoj ne formas grandan familion en kiu oni helpas al si reciproke kaj ĉiam amike kaj frate akceptas samideanon ? Ĉu tio ne sufiĉas ? Por kio mi devas aliĝi ankoraŭ vian Asocion ? »

Bonvolu unue atenti, estimata kontraŭulo, ke, *teorie*, vi eraras. Ĉar vi estas bona esperantisto, mi estas certa ke vi havas plej grandan respekton por la decidoj de niaj kongresoj kiuj, sen ia dubo, plej altgrade kunhelpis, — ĉefe la unuaj, — por la disvastigo de la lingvo Esperanto. Vi do bone memoru ke laŭ la Bulonja deklaro « esperantisto estas nomata ĉiu persono kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto, tute egale, por kiaj celoj li ĝin uzas », kaj ke ĝis kiam tiun deklaron anstaŭos nova, frateco aŭ solidareco, aŭ « ĉiuspeca ideo aŭ espero, kiun tiu aŭ alia esperantisto ligas kun la Esperantismo, estos lia afero pure privata por kiu Esperantismo ne respondas ». Do, teorie, vi kaj mi, kiuj scias kaj uzas Esperanton, estas, malgraŭ viaj diroj, malgraŭ la elokventaj paroladoj de D-ro Zamenhof en Boulogne, Genève kaj Cambridge, malgraŭ la grandanimaj inspiroj de la tuta esperanta poezio, nur fremdaj unu je la alia, tute same, kiel japano kaj ruso, kiuj dum vojaĝo en la indiaj maroj alparolus al si reciproke per angla lingvo. Vi eble estas aŭstriano ? Mi estas franco. Vi scias Esperanton kaj mi ankaŭ, jen ĉio; sed mi vin ne konas. Eble ankaŭ vi scias la francan lingvon, aŭ mi la germanan ; sed mi vin ne konas : for de mi...

Kaj eble, estimata esperantisto, la Bulonja deklaro estis saĝa. La mondo estas vasta, la homa gento tre diversa. Frateco estas bela vorto, sed se ĉiuj homoj devas esti fratoj, restus ankoraŭ tiaj fratoj ke mi preferas ilin vidi de malproksime, ol sur la sojlo de mia hejmo. Tamen povos esti, ke ili lernos Esperanton ; cetere tiu fakto jam vidiĝis. Kaj eble estus preferinde, se kelkaj niaj Delegitoj, kiuj faris la lastan jaron servojn al friponuloj kaj estis rekompencitaj per ŝtelo, estus dirintaj, memorante taŭgatempe la Bulonjan deklaron : mi vin ne konas.

— Bone, bone, vi repondas. Sed tio estas escepto, la granda plimulto de la esperantistoj estas honestaj homoj ; pri la Bulonja Deklaro, estas io teoria ; kaj ĉiu scias ke, en la praktiko...

— Tre vere. En la praktiko, krom kelkaj nelacigeblaj lingvistoj, nia anaro tre ĝojige lasas en la polvaj paperujoj la tekston de la Bulonja deklaro ; tre kuraĝige inter niaj samideanoj, — krom ankaŭ kelkaj esceptoj — regas la fortaj sentoj de solidareco, la nobla aspiro al komuna celo, laŭ la vojo montrita de nia Majstro. Sed ĝuste pro tio ŝajnis necese al kelkaj esperantistoj, oficialigi, ekster la Bulonja oficialeco, tiun solidarecon kaj tiun internan ideon de Esperanto de kiu nia movado ĉerpis sian forton, kaj instigi la esperantistojn, ke ili unuiĝu ne nur per la lingvo, sed ankaŭ per la koro en vastan tutmondan asocion, kiu fariĝis U. E. A.

Meze de kiuj cirkomstancoj, nia asocio estis kreata ; per kiuj vortoj la plej eminentaj esperantistoj komprenigis al ni ke pro tiu Bulonja deklaro, kaj pro la karaktero de la oficiala Esperantismo, « ĝi bezonas *nur* lingvan aŭtoritaton » ; per kiu kuraĝiga letero nia Majstro diris al ni ke li aprobas plene nian projekton, kaj kial, konvinkiĝinte post la Bulonja provo, ke Internacia Ligo de Esperantistoj estas ne dezirinda kaj danĝera, « li estas feliĉa ke ni faru per vojo privata tion, kio oficiale ne estis ebla », — mi iam tie ĉi eble rakontos.

* *

Restas nun la demando ? Kion utilas por la grupoj kaj ĉuispecaj esperantistaj societoj ke ili aliĝu al U. E. A. kiel Esperantiaj Entreprenoj ?

Oni bonvolu rimarki ke ĉiuj grupoj eĉ kiam ili apartenas al Federacioj, ligoj aŭ naciaj societoj plej ofte havas sian propran statuton, kaj ke la celo de la diversaj esperantistaj societoj prezentas multe da diferencoj de unu al la alia. Ĉiu el ili, kiel cetere la neesperantistaj societoj, rajtas aliĝi al U. E. A., se nur nenio en ilia celo kontraŭstaras tiun de nia asocio ; kaj tiam, ili ĝuas la specialajn servojn organizitajn por ili, speciale enpreso en la jarlibro, servo por informpetoj, k. c.

Sed ni speciale deziras la aliĝon du tiuj Societoj, — la granda plimulto, — kiuj ekster la Bulonja oficiala Esperantismo, laboras ne nur por la tre dezirinda solvo de la mondlingva problemo, sed ankaŭ ŝatas la altan idealon de nia movado. Al tiuj societoj la oficiala Esperantismo pure lingva neis al si, pro la neŭtraleco de la Bulonja deklaro, la rajton alporti sian helpon por la realigo de tiu idealo : kaj nur en U. E. A., speciale fondita por forigi tiun mankon, ili povas trovi la bezonatan subtenon, kaj la internacian unuiĝon.

Ni kun granda ĝojo konstatas ke multenombre ili tion komprenis, kaj ke jam longa listo da ili vidiĝas en nia jarlibro. Ili sendube fariĝos ankoraŭ pli multaj antaŭ 1912. Ili certe sendos grandanombre kongresontojn al Anverpeno dum la venonta monato Aŭgusto, kiuj post la festoj, post la linvgaj kaj propagandaj laboroj de la Sepa, kiu certe estos tiel brila kiel la antaŭaj, volos ankaŭ partopreni en la kongreso de U. E. A. Tie ili konvinkiĝos, en la intima atmosfero de niaj kunvenoj, kiom vigla estas inter esperantianoj la ligilo de solidareco priparolita en nia statuto. Ili aŭdos pri la granda laboro metode kaj senbrue farita de niaj Delegitoj sur la tuta terglobo, por disbati la lingvajn, kaj rasajn barojn kiuj ankoraŭ tro multe apartigas la diverslandajn homojn. Kaj ili revenos konvinkitaj, ke per tiu apartigo de la laboro, cetere konforma je la decido de la Esperantistaro en Boulogne kaj Genève, nome, instruado kaj propagando per la naciaj societoj kaj reciproka sinhelpado kaj ĉuispecaj aplikaĵoj per nia Universala Esperanto-Asocio, nia movado plej certe iras al la venko.

Th. Rousseau,
*Vicprezidanto de U. E. A.*

---

**Ĉiuj personoj, kies abono finiĝas kun tiu ĉi n° estas petataj sendi al ni kiel eble plej baldaŭ sian reabonon.**

**Ĉiuj personoj, kiuj sendos sian reabonon antaŭ la 1. Februaro, pagos nur 1,60 Sm. Post tiu dato, kiel anoncite en nia lasta n°, la abono estos altigata ĝis 2 Sm.**

INDUSTRIO

## La brulanta gasfonto ĉe Hamburgo

En la malaltajo de Elbe, proksime de Hamburgo, troviĝas tre fruktodona terparto, kiu provizas al la najbara urbego legomojn kaj fruktojn. Por ankoraŭ pli oportunigi la kulturadon de la tero, oni klopodis elbori novan akvofonton. Oni jam estis atinginta profundon de 245 metroj kiam anstataŭ akvo, teraj gasoj komencis elflui el la malfermajo kun granda forto. Oni ne estas tute certa pri la kaŭzo de tiu ĉi aperajo. Kelkaj kredas, ke en la profundajo kuŝas maroj da ŝtona salo, plej multaj opinias, ke la gasoj devenas de subteraj petrolamasoj.

Post la liberigo el la terinterno la gasoj baldaŭ ekbruliĝis, ĉu per si mem, aŭ ĉu per ektuŝo kun la fajro de proksima lokomobilo, oni ne scias. Kaj nun grandioza vidindajo montriĝis, kiu de l'4a de novembro altiras milojn kaj milojn da homoj. El tri truoj de la bortubo tri flamoj eliras, unu rekte supren, la du aliaj horizontale orienten kaj okcidenten; kaj en la mezo aperas kvazaŭ bukedo da malgrandaj radioj. La longeco de la horizontalaj flamoj estas taksita je 15 metroj. La premo de la gasoj estas tiom granda, ke la flamoj komencas nur en unumetra malproksimeco de la elfluejo. La bruon de la elfluado oni aŭdus preskaŭ tutan horon antaŭ ol oni atingas la flamojn, kaj kiam oni staras tiom proksime kiom la varmego permesas, oni tute ne povas kompreni unu la alian, eĉ apenaŭ, kiam oni krias rekte en la orelojn.

Ne estas tre oportune atingi la naturmirindajon. Oni devas veturi duonan horon per fervojo kaj poste marŝi pli ol unu horon. Tio ne estas multe, sed la vojo estas tre malagrable irebla, ĉar per la ĉiama marŝado kaj veturado kune kun nia hamburga tre pluvema vetero, la tero pli kaj pli moliĝis, kaj oni ofte estas en la koto ĝis la maleoloj. Sed la celo indas la penadojn, kaj per humoro oni povas agrabligi ĉion; ankaŭ nia esperantista grupo faris la ekskurson dum unu vespero, ĉar plej multaj preferas vidi la flamojn vespere aŭ nokte, kaj la migrado apenaŭ ĉesas unu aŭ du horojn dum la nokto. La vagonaroj iras kaj revenas ĉiam superplenaj, kaj dimanĉon eĉ el Berlino venis kelkaj specialaj vagonaroj. Ankaŭ la imperiestro intencas viziti la gasfonton.

Estas preskaŭ ne imageble, ke tage kaj nokte, horo post horo, la gasoj elfluas kun sama forto, kiun oni taksas je 60 ĉeval-fortoj. Nur unu tagon unu flamo estingiĝis, ĉar per la premo la aero estis tiom forpuŝata kaj la elfluejo tiom malvarmiĝis, ke ĝi fine estis fermata per glacio. Sed nun ĝi denove ellasas la gason. Oni kalkulis, ke la elfluinta maso de unu semajno estus sufiĉinta por provizi la grandurbon Hamburgo dum tuta monato. La loĝantoj nature benas la brulantan gasfonton, ĉar ĝi fariĝis por multaj el ili ora fonto.

La fajrobrigado sukcesis estingi unu flamon per du tuboj de la granda vaporpumpilo, sed oni rebruligis la gason pro la venena efiko de la malbona aeraĉo.

E. Jenckel (Hamburgo)

GEOGRAFIO

## La riĉajoj de insulo Saĥalin

Lastatempe oni ofte povas legi en kelkaj amerikaj gazetoj artikolojn pri la rusa parto de Saĥalin. Interesa estas la artikolo de S-ro Valace, kiun oni eĉ represis en la orientaziaj gazetoj.

S-ro Valace skribas: « Nemultaj estas nun sur la terglobo lokoj tiel riĉaj je mineraloj, kiaj ekzistas sur la insulo Saĥalin kaj precipe en tiu parto, kiu apartenas al Ruslando. Ĉi-tiu cirkonstanco pli kaj pli vekas la atenton de eksterlandaj entreprenantoj: Estus ebla, ke la insulo en proksima estonto fariĝos fruktoporta kampo de agado al entreprenemaj homoj kaj poveble montriĝos eĉ konkuranto al Ameriko en la eksportado de mineralaj produktajoj.

Saĥalin, kiel montras la provo, estas riĉa je naftohavaj terpecoj. Ekspluati la nafton estas permesita al multaj personoj inter kiuj la plej gravaj estas la reprezentantoj de Rusa-Azia Banko kaj nove organizita shanghaia sindikato. La lasta intencas plej larĝe aranĝi la aferon, por plenigi per sia produktajo la tutan ekstremorientan vendokampon, kiun servas ĝis nun preskaŭ sola la amerika firmo « Sandard Oil ».

Ne malpli riĉa estas la insulo je ŝtonkarbo. Jam antaŭ tridek jaroj iaj amerikanoj ekprovis ekspluatadi la saĥalinajn karbminejojn, sed pro malhelpoj kaŭzitaj de rusa administracio, ili ne havis sukceson.

La Saĥalina ŝtonkarbo per sia kvalito superas eĉ la konatan Welsh'an antraciton. Almenaŭ tia estas la opinio de plimulto el la komercŝipa estraro en Ekstrema Oriento.

La tavoloj de karbo troviĝas en multaj lokoj sur la insulo. La fosado en la minoj daŭras jam kelkajn jarojn, sed ĝis nuna tempo ne donis bonajn gajnojn, ĉar ĝi estis farata en malgranda dimensio kaj laŭ primitiva maniero. Tute kontraŭa vidiĝos la situacio, kiam la Saĥalinajn minojn oni transdonos al dispono de solidaj kapitalistoj kiuj povos prilabori la karbotavolojn per plej novaj teknikaj iloj kaj poste bone aranĝi la sendadon de karbo tra ĉiuj havenoj de l'Ekstrema Oriento.

La ceteraj riĉajoj de l'insulo: 1. Ŝtona salo (en kristaloj), kiu troviĝas en grandaj kvantoj en la norda parto de l'insulo. La permeson ĝin ekspluati jam ricevis unu rusa regnano. La prilaboradon de salo oni ĝis nun ne komencis. Ĉi-tiu branĉo de industrio havas le plej allogan estontecon; al ĝi malfermas siajn pordojn la vendejoj de Amurlando, kun tiea riĉa fiŝkapta industrio, kiu bezonas multe da salo kaj poste Mandĵurio kaj Ĥinujo.

2. Riĉajoj arbaraj. La Saĥalinaj arbaroj estas famaj pro siaj piceoj, de kiuj kreskas tie multego; ĝi taŭgas pli bone por preparado de papero. Se iu entreprenanto konstruus ĉi tie fabrikon por produktado de papera maso, ĝi sendube bone forvendus la mason en grandega kvanto ĉe la najbaroj en Japanujo kaj Ĥinujo forpuŝante de tie la respondan amerikan produktajon.

3. La felajo kaj marĉasa industrio ankaŭ prezentas riĉan kampon de agado al entreprenemaj homoj. Mi ne priparolos ĉi tie ĉion detale pri la lastaj du punktoj, mi nur diros ke per ili kelkaj entreprenintoj gajnis milionajn havojn.

R. J. Elleder (Del. Vladivostok, Siberio)

1) La insulo Saĥalin sidas oriente de Siberio, norde de Japanujo. Parto apartenas al Rusujo kaj parto al Japanujo.

## Nova vojo Hindujon

Influa aro da rusaj financistoj kaj registaraj altranguloj projektas la konstruon de fervojo de la limoj de Kaŭkazo tra Persujo ĝis Beluĝistana regno. La necesan monon oni esperas prunti en Rusujo, Anglujo, Francujo kaj aliaj landoj. Multaj certigas ke aktive partoprenos en la konstruado de nova forvojo ankaŭ Germanujo kun sia monparto.

La antaŭaj pridiskutoj, post kiuj estas atendata baldaŭa interkonsento iras inter Peterburgo, Londono kaj Parizo.

Oni organizas specialan societon al kiu la Persuja registaro transdonos koncesion kaj alia akcia societo efektivigos la entreprenon.

La nova fervojo ebligos trairi la tutan vojon inter Londono kaj Bombay en daŭro du unu semajno.

La projektata fervojo devas komenci en Baku (Kaŭkazo) iri laŭ la Kaspia maro ĝis la persa limo kaj poste tra Resht, Teherano kaj Kerman ĝis la limo de Beluĝistana regno.

Tiuj partoj de fervojo kiuj pasos tra rusa kaj brita teritorio estos kontrolataj de la rusa kaj brita registaroj kaj nur parto de ĝi, pasanta tra persa teritorio, estos en kontrolado de internacia kompanio.

La Persa parto de fervojo havas la longecon de 1.100 anglaj mejloj kaj kostas 150 milionojn da Sm.

La distanco de Londono ĝis Bombay tra Aleksandrovo, Rostov kaj Baku prezentas 5,700 angl. mejlojn kaj trairo daŭros 7 tagojn, dum nun la simila trairo tra Brindisi aŭ Bagdad daŭras 12 tagojn.

ORIENTULO.

IDEOJ & FAKTOJ

## La Laborborsoj en Francujo

La laborborsoj, nove kreitaj havas tamen malnovan devenon. Politike oni parolis krei laborborsojn en la jaro 1790. La 2an de marto 1790, S-ro de Carcelles faris raporton senditan al la Labor-departemento por ekzameno. Dum la jaro 1845 S-ro de Molinari ĉefa redaktoro de « Ĵurnalo de la ekonomistoj » havis ideon pri Laborborso laŭ la modelo, kiun li priskribis en sia verko: *La Laborborsoj*. Projekto de Laborborso estis prezentata dum 1848 al la Pariza urba konsilantaro de S-ro Ducoux polica prefekto sed oni ne diskutis ĝin. En 1875, 2 aliaj projektoj estis prezentataj sed nur en 1886 la raporto de S-ro Mesureur estis akceptata de la Pariza urba konsilantaro. Tia estas la politika historio de la kreo de la unua laborborso.

Pri la ekonomia vidpunkto, la laborborsoj naskiĝis de la laboristaj sindikataj federacioj. Tiu Ĝenerala Konfederacio de la Laboro, antaŭ la fakto, estis sub la kontrolo de la socialista laborista partio, kaj devis grupigi ĉiujn laboristajn sindikatojn en unu sola organizado; entrepreno tute politika konstruita por propangada celo de socialista agado. Ĝi donis nenian rezultaton. Sed la sindikatoj unuigitaj en la naciaj metiaj federacioj bezonis regionajn kaj lokajn. Se la ĝeneralaj interesoj de la laboristoj de sama industrio estas la samaj tra la tuta nacia lando, eksistas, flanke de tiuj diferencaj ĝeneralaj demandoj, bezonoj kiuj diferencas laŭ la regionoj, la kutimoj de ĉiu regiono, de ĉiu urbo, kaj estas la samaj por ĉiuj laboristoj de ĉiuj metioj. En ĉiu grava industria regiono oni bezonis oficejon por statistiko, por dungado, speciale okupata pri la regionaj interesoj. Laŭ tiu ideo, la Laborborsoj estas hodiaŭ lokaj unuiĝoj kiel en Parizo, departementaj kiel en Nancy, regionaj kiel en Belfort laŭ la popola industria denseco kaj laŭ la diverseco de la lokaj interesoj. En 1886 estis fondata en Parizo la unua laborborso. La sekvantan jaron oni fondis aliajn en Beziers, Montpellier, Cette, Lyon, Marseille, Saint-Etienne, Nimes, Toulouse, Bordeaux, Toulon kaj Cholet. La nombro de la borsoj rapide kreskis; ili estas hodiaŭ 140, kunigitaj en la federacio de la francaj kaj koloniaj laborborsoj, kiu estas parto de la federala komitato de la Ĝenerala konfederacio de la Laboro (C. G. T.). La laborborso estas centro por kunvenoj de laboristaj societoj, en kiu formiĝas konstantaj rilatoj inter laboristoj de malsamaj metioj. Ĝia speciala celo estas trovi oficon por laboristoj. Multaj laborborsoj havas metiajn kursojn bone organizitajn kun multaj lernantoj. En Toulouse, Marseille, Bordeaux, Saint-Etienne, ĝi povas konkurenci la grandajn popolajn instruajn instituciojn. La internaj kaj financaj reguloj de la laborborsoj estas malsimilaj unu de la alia. Ili estas tute sendependaj, vivas per la propraj kotizaĵoj de la aliĝantaj sindikatoj, kaj estas administrataj per sindikataj delegitoj; aliloke ili ricevas helpmonon de la urba kaj de la departementa konsilantaroj sed havas tute liberan administradon, donante raportojn pri la elspezoj al la konsilantaro kiu voĉdonis helpmonon. Tiu lasta kategorio estas la plimulta. Restas Parizo kaj Lyon: en la komenco la Pariza borso havis urban monhelpon kaj estis administrata de laboristaj delegitoj. En 1895, ĝi estis fermata dum 2 jaroj de la registaro; S-ro Mesureur komerca ministro redonis ĝin al la sindikatoj; li dekretis administran komisionon de 20 membroj: 2 delegitoj de la komerca ministro, 2 de la departementa prefekto, 6 urbaj konsilantoj kaj 10 sindikataj delegitoj. Tiu komisiono ellaboris la borsan buĝeton kaj helpmonon disdonis inter la sindikatoj kiuj sin okupis pri dungado de laboristoj. En 1891 S-ro Millerand komerca ministro dekrete redonis la tutan administradon de la borso al la sindikatoj. De nun estas la komisiono elektata de la sindikatoj kiuj regas la laborborson de Parizo. La urba konsilantaro havas kontrolan rajton. La regularo de la Lyona laborborso estis farata de la urba konsilantaro laŭ la Pariza modelo. Tiuj du laborborsoj havas apud si sindikatajn unuiĝojn, kiuj estas reprezentataj en la federala komitato de laborborsoj. La Pariza kaj Lyona laboristaj sindikatoj devas aparteni al la laborborso kaj ne esti kunligataj al la ĝenerala konfederacio de la Laboro (C. G. T.). La laborborsoj grupigitaj en la borsa federacio tuj de 1892 formas nun la borsan sekcion de la konfederacia komitato de la C. G. T. En la kongreso de Nantes en 1894 okazis kompleta rompo inter la socialista politika partio kaj la ekonomia partio. La borsoj sekvis malsaman ekonomian politikon, kaj kvankam ili estas federitaj, ili konservis kompletan memstarecon. La federala komitato de la laborborsoj kvankam konsistanta el iliaj delegitoj neniam povis ilin kunagigi per siaj voĉdonoj. La borsoj restas tute sendependaj, kaj ĝuste tio ebligis ilin ĉiam grandigi.

*(Daŭrigota.)*

E. BRIAT,
*Membro de la Supera Komitato de la Laboro.*

Trad. SOUCHAY,
*Laborkonsulo de U. E. A., Parizo.*

## Mutualeco kaj Esperanto ĉe la Lernejo

Ekzistas en Francujo multaj lernejaj societoj de Mutualeco. Ilia celo estas duobla; reciproka kunhelpo mona en okazo de malsano; pensio dum la maljuneco La monrimedo estas ĉiusemajna minimuma kotizaĵo 4 Sd.

Jen estas la funkciado: 2 Sd. iras al la kaso por malsanoj; 2 al la kaso por pensioj. La unua kaso estas komuna kaj plene administrata de la societo; ĉe la dua kaso, ĉia membro havas personan konton oficiale starigitan de la ŝtata administracio, ĉar pri la pensioj eventualaj la societo estas nur peranto inter la mutualisto kaj la ŝtato. Kompreneble la societo apartigas la ambaŭ kasojn: pensioj kaj malsanoj.

Por la kaso malsanoj, la kotizaĵo estas unika, 2 Sd. ĉiusemajne; por la kaso pensioj la kotizaĵo estas laŭvola, komencante je 2 Sd. Kiu pagas ekzemple po 20 Sd. anstataŭ 4, kiel semajnan kotizaĵon, tiu fakte kotizas po 17 Sd. por sia persona konto-pensio, kaj sekve pliigas sian pension.

La malsanuloj ricevas monhelpon kalkulatan po 20 Sd. ĉiutage dum la unuaj 30 tagoj, po 10 Sd. dum la 2 sekvantaj monatoj.

La societo ne havas *siajn* kuracistojn trudeblajn al la malsanuloj. La familio elektas mem la preferatan kuraciston.

* *

Unu el la plej malnovaj lernejaj societoj de mutualeco estas la *Jeunesse Prévoyante de Lille* (Francujo). « Antaŭzorga geknabaro Lille'a » kies prezidanto-fondinto estas S-ro Inspektoro Minet famekonata de la esperantistaro kiel enkondukinto de l'esperanta instruado deviga en la lernejojn de

sia distrikto (1). La vicprezidanto estas la subskribinto de tiu ĉi artikolo, kunaganto de S-ro Minet ĉe la ambaŭ entreprenoj : Mutualeco kaj Esperanto.

Kiam ni starigis la societon mutualecan kun helpo de kelkaj gelernejestroj oni antaŭdiris malsukceson same, kiel oni promesis fiaskon, kiam poste Esperanto eniris en niajn lernejojn.

Sed vidu kio okazis. La « Jeunesse Prévoyante » naskiĝis dum 1898 ; ĝi havas nun 14,507 membrojn, knabinojn kaj knabojn 6-16 jarajn.

Dum la lasta jaro la kaso-malsano ricevis, kiel kotizaĵojn, 14,225 Sm. kaj elspezis, kiel monhelpojn, 11,138 Sm. Samjare ta kaso-pensioj ricevis 15,347 Sm.

De la fondo de l'societo, dum la daŭro de 12 jaroj oni enkasigis por la malsanoj 109,421 Sm. kaj oni pagis al 20,485 gemalsanuletoj 88,541 Sm. kiel monhelpon. La reston oni dividis inter la societanoj, enskribante la sumon dediĉitan al ĉiu sur ĝia pensiokalkulo.

Por la pensioj, dum la samaj 12 jaroj, oni enkasigis 127,411 Sm. La societo starigis 31,593 personajn kontojn ĉe la Nacia Kasejo de Pensioj por la Maljuneco. Jen estas do 31,593 eventualaj pensiuloj nur sur unu punkto de Francujo.

Ĉe la nombroj cititaj, 109,421 kaj 127,411, t. e. sume 236,832 Sm. ricevitaj por malsanoj kaj pensioj, mi kalkulis nur la kotizaĵojn pagitajn de la geknaboj. Se oni enkalkulas diversdevenajn akiraĵojn (ŝtatajn, departementajn kaj urbajn donacojn, rentumojn, kotizaĵojn de honoraj membroj k. t. p.) oni atingas la jenan enkasitaĵon : 263,728 Sm. nur dum 12 jaroj ! Meznombre 22,000 Sm. ĉiujare.

* * *

Jam la geknaba « Jeunesse Prévoyante de Lille » naskis societon por gejunuloj 16-24 jaraj (ĉirkaŭe). La kotizaĵo kaj monhelpo por malsanoj estas pli fortaj, sed principe kaj fakte la dua societo estas sekvo de la unua. Ĉe tiu dua societo la membroj ne plu estas infanoj, sed ili ne estas plenaĝuloj. La societo estas kvazaŭ ponto preta por venonta transiro. Efektive tria societo stariĝos, kiam sufiĉe da junuloj estos fariĝintaj plenaĝuloj. Tiam nia entreprenego estos plenumita, nia konstruaĵo trietaĝa estos finita !

Kion oni faris en Lille, tion ankaŭ oni faris, faras aŭ faros aliloke, kaj sur la tuta franca lando kreskadas floroj, maturiĝas fruktoj mutualecaj. Ĉu vi ekvidas la konsekvencojn de tiuj lernejaj entreprenoj de sociala edukado ?

* * *

Tio ne estas ĉio. Urbaj kaj distriktaj societoj unuiĝis, kaj dum la monato oktobro 1910 okazis en Parizo la unua kongreso de *Nacia Unuiĝo de la lernejaj Societoj Mutualecaj*.

Plej altrangaj personoj ĉeestis kun inspektoroj, profesoroj, instruistoj, delegitoj, ĵurnalistoj, k. t. p.

La malferman paroladon de S-ro Petit, ĝenerala Inspektoro de l'Instruado, oni povas resumi jene : « La mutualeco ĉe la lernejo estas por multe da Francoj la pensio memvola kaj certa en matura aĝo. »

Oni aŭdis de senatano Ribot, ke en Francujo estas nun 900,000 junaj gemutualistoj pagantaj regule kotizaĵon ĉe la oficialaj lernejoj, kaj jam ŝparintaj 20 milionojn da Sm. S-ro Ribot montris la utilecon de l'infana mutualeco por starigi la laboristajn pensiojn, kaj plifaciligi la aplikadon de la leĝo publikigita la 5 de aprilo 1910. « La lernejaj mutualistoj, li diris, estas soldatoj tute pretaj por la sociala asekuro. Inter ili oni trovos la unuajn, la plej fidelajn kotizantojn por la laboristaj pensioj. »

Oni povus aldoni : « soldatoj de l'ordo kaj progreso per laborado en paco, kiuj trudos se bezone estos, la socialan prudenton. » La fama oratoro insistis pri la grava rolo ludata de la instruistaro en tiu ĉi entreprenego « esence demokratia ».

S-ro Deschanel deputato plej aŭskultata kaj akademiano, fermis la kongreson. Li diris : « Kiu je sia 4-a jaro partoprenas la mutualecon, tiu je sia 55-a jaro ĝuos rentumon, kiu superos per 194 Sm. la sumon certigatan de la nova leĝo pri laboristaj pensioj. ».

Same kiel senatano Ribot, S-ro Deschanel laŭdis la ŝtatan geinstruistaron. Laŭdado estas dolĉa. En mia lando, kiam la registaro volas starigi ion grandam kaj altan, ĝi sin turnas al la instruistaro. La klaso ĉe kiu oni aŭdadas A. B. C. D... fariĝas necesa fokuso de lumo kuj progreso, necesa laborejo de la ŝtata, de l'homara grandeco !

Mi kredas volonte, ke tio ekzistas ankaŭ ĉe vi, karaj kolegoj, en ĉiuj nacioj, kaj tiu penso ĝojigas min, kiel anon de l'internacia lingvo, ĉar venos tago, kiam ni faros la saman servon al Esperanto (1).

Sed ni revenu al la kongreso. Oni akceptis la deziresprimon, ke la lernejaj mutualecaj societoj studu la rimedojn partoprenigi senpage la mizerulojn al la bonfaroj de la mutualeco, ankaŭ ke la junulaj societoj (dua etaĝo) ĉie akceptu la virinojn samkondiĉe, kiel la virojn. Oni freneze aplaŭdis S-ron Deschanel, kiam elokvente li diris. « Per la ina mutualeco la virinoj duobligos la gravecon de l'rolo kiun ili ludas en la mondo. » Kaj por fini : « Memoru, ke de nun frateca solidareco unuigas la laboristojn de la kamparoj kaj de la urboj, laboristoj per la brakoj kaj per la penso. »

Ĉio, kion mi raportas ĉi supre sufiĉas por montri la gravecon de la lerneja mutualeco, entrepreno tiom pli meritodona, ke ĝiajn plej belajn fruktojn oni rikoltos nur post la morto de la iniciatintoj kaj unuaj pioniroj.

La samon oni povas diri pri Esperantismo, kaj nome pri la agado de instruistoj kiuj memvole enkondukas en sian instruadon la moralan mutualecon elpensitan de D-ro Zamenhof sub la nomo Esperanto kies, oni scias, interna ideo estas frateco.

Tiun ĉi komparon oni pardonu al mi, mutualisto kaj esperantisto egale konvinkita, ĉar mi konsideras la mutualecon kaj Esperanton, kiel du venontajn kunlaborantojn sur la ŝparada kampo.

Ŝajnas al mi ke la plej perfekta mutualeca formo estas internacia. Tiu ŝparformo igos komunaj kaj solidaraj monajn aferojn kiuj ĝis nun estas nur regionaj, naciaj, kaj sendependaj. Do ĝi helpos al la frateco inter la popoloj, al la paco inter la nacioj. Aliparte ĝi protektos la rajtojn kaj ŝparojn mutualistajn kontraŭ eventualajoj iafoje citataj de homoj, kiuj pro diversaj kaŭzoj ne ŝatas tiun ŝparformon, eventualajoj pri kiuj mi ne volas insisti pro respekto al la registaroj kaj pro mia natura konfido al justeco.

Ĉirkaŭ la supredıritaj malmultaj homoj staros amaso da aliaj tiel singardemaj, kiel ŝparemaj, kiuj ne dormos trankvile, ĝis kiam ili estos trovintaj la maksimuman garantion de siaj preparataj vivrimedoj dum la vintro de l'vivo.

Tiujn saĝulojn oni havas la devon helpi, se oni havas la povon, kaj tiu devo estas absoluta por kiu enkondukis la mutualecon ĉe la lernejojn...

Ĉu la Esperantistoj havas tiun povon ? — Jes.

Ĉu dank'al Esperanto estas eble ekvidi la teran paradizon de la Mutualistoj, la plenan trankvilecon ? — Jes !

Efektive, la internacieco estas floro kaj frukto de la civilizacio. La garantio per internacieco venos do je sia tempo. Tiu tempo estos tiom pli frua, kiom pli multaj kaj simpatiaj fariĝos la naciaj interrilatoj.

(1) Kun konsento de S-ro Prélat, Akademia Inspektoro.

(1) Rimarku la iradon de tiaj aferoj ; la popolo komencas, la registaro observadas, permesas, kuraĝigas kaj fine devigas.

Oni vidas do klare en tiu ĉi afero la eblan rolon de Esperantismo, kaj oni devas ĝoji ke jam fratiĝas en popolaj lernejoj, nome en la Lille'aj, Esperanto kaj Mutualeco (1).

F. Dubieux.

## Kiel okazas la denombrado en Usono

En la Nacia Konstitucio de Usono, oni legas jene : « La aktuala denombrado (de la homoj) devas esti farata en la daŭro de la tri jaroj sekvantaj la unuan kunvenon de la Kongreso de Unuiĝitaj Ŝtatoj, kaj poste en la daŭro de ĉiu deko da jaroj, kiel la Kongreso ordonos. »

La unua denombrado de la homoj en Usono okazis en 1790, kaj de tiam je la fino de ĉiu dekjaro la Kongreso farigis similan laboron. La denombrado por la lasta dekjaro finiĝis antaŭ nelonge, kaj jam la rezultatoj ricevitaj estas haveblaj.

La sola celo de la redaktantoj de la Konstitucio, estis antaŭestabligi bazon por proporcia dividado de reprezentantoj en la Kongreso. Ankoraŭ la ĉiudekjara denombrado plenumas la originalan celon de la verkantoj de tiu fama akto, sed komparado de la rezultatoj akiritaj en tiu unua sumado de la jaro 1790, kaj tiuj de la nuna jaro 1910, aperigos, je la kvanto kaj amplekso de la informoj ricevitaj mirindan deflankiĝon de la unuaj rezultatoj. Tiam la registaro estis kontenta fari al ĉiu el siaj enloĝantoj nur ses demandojn ; nun ĝi faras nemalpli, ol tridek demandojn pri ĉiu viro, virino kaj infano trovitaj en siaj limoj. Tiam la demandoj rilatis nure la sekson, la rason, de la viroj la aĝon, ktp. Nun la demandoj farotaj ampleksas tiom da esploroj ke oni miras pri la scivolemo de la registaro. Nun oni demandas pri la naskiĝloko, pri la lingvo parolata, pri la nacieco ambaŭ de la demandato kaj de la gepatroj de la demandato, pri la laborprofesio kaj kiel longe la demandato estis neokupata dum la pasinta jaro, pri geeksedziĝo, ktp.

La usona denombrado estas la plí granda kaj la pli multekosta el iuj similaj statistikaj entreprenoj farataj en la mondo. Nur en Rusujo sin trovas tiom da enloĝantoj kiom en Usono, kaj nur en tiu lando estas la enloĝantaro tiel dissemita. Ĉi tie la demandoj farataj estas plimultaj kaj pli komplikaj ol tiuj de aliaj landoj, Por fari tian grandegan laboron; t. e. denombrigi proksimume 90,000,000 da homoj, kaj, kiel oni faras samtempe, kolekti statistikojn kiuj rilatas la staton de la agrikulturo tra la tuta lando, kaj la staton de minejoj kaj diversaj industrioj, la registaro permesas al la oficistoj nur unu monaton.

La 15 aprilo de la nuna jaro ĉi tiu laboro komenciĝis. Je la 1. Majo la denombrado de la urboj finiĝis, kaj je la 15 majo la tuta tasko finiĝis. Por efektivigi ĉion ĉi tion en la daŭro de tia mallonga tempspaco estis necese dungi armeon da 70,000 denombristoj, aŭ proksimume unu por 1,300 enloĝantoj. Komprenebl̶e la tuta lando estis distriktigita, kaj redistriktigita, kaj ree redistriktigita, por ke oni povu fari plenan kaj zorgan kontrolon de la laboro. Ĉiu denombristo devis fari oftan raporton pri sia laboro, al pli alta oficisto, kaj tiu al sia superulo, kaj tiel plu ĝis la ĉefestro en Washington. En sia distrikteto la denombristo devis elserĉi ĉiun enloĝantan personon ; se li unuafoje ne trovis la serĉatan personon hejme, li devis fari duan, trian, aŭ kvaran viziton al tiu domo. En la grandaj urboj kie sin trovas tiel nomataj « Flosantaj loĝantaroj », t. e. viroj kiuj ne posedas heimojn sed kiuj enloĝas en nekutimaj lokoj, ofte dormante en la parkoj kaj sur la ŝtuparoj de la publikaj konstruaĵoj, la denombristoj faris sian laboron nokte. Akompanate de policanoj ili travagis la parkojn, la aleojn kaj la elŝipigejojn, kaj ĉiujn lokojn kie eble ili povus eltrovi iun, kaj vekante la senhejmulojn, faris al ili la necesajn demandojn. Pro la granda zorgo uzita en ĉi tiu afero oni povas supozi ke la rezultatoj estas kiel eble plej korektaj.

Ofte, pro la nescieco de multe da homoj, pri la celo de la laboro, la denombristoj renkontis gravajn malfacilaĵojn. Speciale inter iuj el la fremdnaskitoj estis malfacile ricevi respondojn al la demandoj, pro tio ke ĉi tiuj timis ke la registaro deziras kolekti diversajn faktojn por ke ĝi povu trudi pliajn impostojn, aŭ fari kolektadon da rekrutoj por la milita servado, aŭ eble antaŭaranĝi la ekziladon de nedezirataj homoj. Estis necese ke la oficistaro de la denombrado sperte penadu forigi la malkompreniĝon de tiaj personoj. La Prezidanto mem faris proklamon, petante ke ĉiu loĝanto en la lando kunhelpu kiel eble plej multe la aferon, certigante ke nenia maljustaĵo okazos al iu kiu respondus ĉiujn demandojn. Ĉi tiu proklamo estis tradukata en dudekkvar lingvojn, kaj en ĉiu poŝtoficejo en la lando ĝia kopio estis afiŝata.

Memvideble kunmeti kaj tabeligi tian mason da statistikoj estis grandega kaj laborplena tasko. Do estus tute neeble fari ĝin en la daŭro de la tempspaco permesata, sen la helpo de lerte ellaborita kaj komplika maŝinaro. Estus tre simpla afero nure kalkuli la nombron da enloĝantoj, sed kiam oni pripensas la multajn karakterizaĵojn de la tuta enloĝantaro, kaj la multajn kunmetitaĵojn kiujn oni povus elfari el tiom da karakterizaĵoj, vidiĝas la bezono por maŝinaro kiu preskaŭ alproksimiĝas al la homa inteligenteco. Estas dirate ke kelkaj miloj da kombinaĵoj de faktoj devis esti farataj el la rezultatoj ricevitaj.

Por tabeligi la deziratajn faktojn kiel eble plej rapide kaj malmultekoste, kartsistemo estis uzata. Por ĉiu el la pli ol 90,000,000 enloĝantoj en Usono estis preparita karto havanta spacojn en kiuj aperis ĉiuj karakterizaĵoj de la individuo. Ekzemple ĝi havis liniitan spacon por virseksuloj, alian por virinseksuloj ; aliaj spacoj montris ĉu la demandito estis blanka aŭ nigra, ĉu indiano, ĉu ĥino, ktp. Ĉiu karto estis ektruigata tiamaniere ke per la truetoj la korektaj faktoj pri ĉiu persono vidiĝas. La ektruigado de la kartoj estis farataj per maŝino kiu iome similas skribmaŝinon, havanta klavaron da 240 surskribitajn klavojn kiuj estas konforme al la liniitaj spacoj sur la kartoj. La manipulisto de ĉi tiu maŝino legas la aldonan dokumenton kiu pendas antaŭ li, subpremas la korektajn klavojn, kaj tuŝas elektran butonon, kiam la karto, kiu jam estas aŭtomate lokigita en la ĝustan pozicion, estas suprenpuŝata, kaj ĉiuj truetoj estas farataj samtempe. Tri cent tiaj maŝinoj estis uzataj en la ĵusa laboro. Ĉiu maŝino povis ektruigi 1,500-2.000 kartojn en sep horoj.

Per la truetoj faritaj la tabeliga maŝino faras sian mirindan laboron. La truigitaj kartoj estas trapasigataj tra maŝinon kie sin trovas tiom da metalfadenetoj kiom da liniitaj spacoj sur ĉiu karto. Kiam la pinto de unu el la metalfadenetoj eniras trueton okaziĝas elektra kontaktaĵo, kaj respondo la fakto kiun tiu speciala trueto reprezentas, ĉu ĝi estas la aĝo, la raso, aŭ la lingvo parolata — tuj estas tabeligata sur apartan paperon. Supozu, ekzemple, ke estas dezirate eltrovi kiom da viroj en Usono sin trovas kiuj ne estas naciigitaj, kiuj havas dudekkvin jarojn, kiuj ne estas edziĝintaj, kaj kiuj naskiĝis en fremlando. La metalfadenetoj kiuj estas konforme al ĉi tiuj faktoj estas aranĝataj, kaj la tuta kartaro estas trapasigata tra la maŝinon. Kie la truetoj

(1) En Lille de 1907 ĉirkaŭ 1200 geknaboj konstante lernas Esperanton. La lernantaj de la superaj kursoj ĉe la elementaj popolaj lernejoj kaj tiuj de la komercaj sekcioj de la ambaŭ superaj lernejoj unuagradaj ricevas ĉiusemajne du lecionojn tridekminutajn dum la klashoroj. Ekzameno ne deviga okazas dum julio kaj kunigas proksimume 450 gekandidatojn. Ĉe la tri ekzamenoj jam okazintaj 1232 infanoj sukcesis kaj ricevis specialan diplomon esperantan. Pri la valoro de l'instruado raportis S-ro Gustave Gauterot en sia libro « La question de la Langue Auxiliaire internationale », Hachette, Paris, 3 fr. 50.

En Grenoble la instruadon de esperanto organizis ĉe la lernejoj, la inspektoro unuagrada kaj la inspektoro akademia, helpitaj de fervora kolego F. Roy. En Grenoble same kiel en Lille funkciadas la lerneja mutualeco. Povu tiuj ambaŭ fokusoj radii.

respondas la aranĝitajn fadenetojn okaziĝas elektra kontaktajo, kaj la dezirata tabeligado okazas. Estas klare, ke preskaŭ senlima nombro da kombinaĵoj estas ricevebla per ĉi tia maŝino. Pro tio ke la kartoj trapasas tra la maŝinon po 300 minute, la tabeliga laboro ne estas tiel granda kiel ĝi ŝajnas unue pense.

La unua dezirata rezultato de hom sumado estas la nombro mem da enloĝantoj trovitaj en la lando, aŭ eble en iu speciala ŝtato aŭ urbo kie la intereso estas granda. Ĉie ĉiuj miras kaj konjektas pri la anoncotaj ciferoj. Urboj febre kaj senpacience atendas la raporton el Washington, esperante ke ili havos pli altan lokon en la urblisto. Kaj kiam venas la anonco kiu sciigas tiun ĉi aŭ tiun urbon ke ĝi preterpasis iun majbaran urbon enloĝantare, estas multe da ĝojo tie. La sonoriloj estas sonorigataj, la fajfiloj de la fabrikejoj estas multe bruegataj. Popolamasoj kolektiĝas en la stratoj, kaj ĉiuj fieriĝas pro tio ke ilia urbo tiom kreskis. La nacia registaro mem volas fari rapidan kaj fruan raporton ne nur por paciencigi la scivolemon de la enloĝantaro, sed ankaŭ por ellabori novan proporcian dividadon de la reprezentantoj elektotaj por la nacia Kongreso.

H. Hall (Cleveland, Ohio)

## Notoj pri la vivo de Tolstoj

II

1883. — L. N. rifuzis « laŭ religiaj konvinkoj » esti jurinta asesoro.

1885. — « Kion do ni devas fari ? »... Plenumi la eternan senduban leĝon al la homo : per laborado de sia tuta estaĵo, nontante nenian laboron, bataladi kontraŭ la naturo por subteni sian vivon kaj la vivon de la aliaj. »

1889. — « La malreguleco kaj malfeliĉeco de seksaj interrilatoj havas sian kaŭzon en tiu opinio, kiu estas komuna por ĉiuj homoj de nia mondo, — ke la seksaj interrilatoj estas objekto de ĝuado, de plezuro » (Letero al Obolenskij.)

1891. — « Malbona rikolto en plej fruktoportaj lokoj faras ion similan, je kio fariĝas ĉe la ŝanĝo de apogpunkto de levilo : ne sole malpligrandiĝas la forto de mallonga parto, sed ankoraŭ pligrandiĝas la forto de mallonga parto, sed ankoraŭ pligrandiĝas tiomoble same la forto de la longa. » « La terura demando. »)

1892. — La helpado de L. N. al la malsatantoj.

1895. — « Liberigi la rusan popolon de l'malĉastiganta influo de korpa puno estas ĉiuflanke la afero de grandega graveco. » (« Estas honte. »)

1896. — « Mi skribas tiajn librojn kaj leterojn kaj propagandadas vorte tiujn pensojn, kiujn la registaro kalkulas kiel malbonon; kaj tial, se la registaro volas kontraŭbatali la disvastiĝadon de tiu malbono, ĝi turnu kontraŭ min ĉiujn uzatajn nun de ĝi rimedojn kontraŭ la personoj, okaze troviĝantaj sub ĝia agado. » (La letero al ministro de Juro.)

1897. — « La problemo de l'kristana arto estas la efektivigo de frateca unuiĝo de la homoj. » (« Kio estas la arto ? »)

1898. — « La scienco, anstataŭ propagandadi inter la homoj ĝustajn religiajn, moralajn kaj socialajn ideojn, per kiujn ekneniiĝus mem ĉiuj malfeliĉoj, estas okupita de unu flanko per pravigado de l'ekzistanta vivordo, de la alia per ludiloj. » (La antaŭparolo al la rusa tradukajo de l'artikolo de Ed. Carpenter : « La nuntempa scienco. »)

1899. — « *Serĉu la Dian regnon kaj Lian veron kaj ĉio cetera estos aldonita al vi.* Sed ni serĉas *la ceteron*, sekve ne trovas ĝin » (« La reviviĝo »).

1900. — L. N. estis elektata honora akademiano.

1901. — La ekskomuniko de L. Tolstoj. « La serĉanto de l'spirita bono trovas ĝin : ĝi ĉiam estas en nia povo. Serĉado de ĝi estas jam trovo de ĝi » « Letero al Najivin.)

1902. — Malsano kaj vivo en Krimeo. — « Se oni disponigus al mi loĝigi la terglobon per tiaj sanktuloj, kiajn nur mi povus imagi, sed kondiĉe ke ne estu infanoj, aŭ per tiaj homoj, kiaj estas nun, sed kun la konstante venantaj, freŝaj de Dio infanoj, — mi elektus la lastan. » (« Pensoj pri edukado. »)

1903. — « La vivo kaj la doktrino de Kristo. » « Pri la memperfektigado. »

1904. — « La ciklo da legaĵoj. »

1905. — Ĉio rilatanta agraran movadon, ĉio enhavata en sociala demando konsistigas mian okupiĝon en Rusujo. » (La vortoj al Morot). — Estas skribitaj : « Granda peko » « La fino de l'mondo. »

1906. — « Pri Shakespeare kaj pri dramo. » « La dia kaj la homa. »

1907. — « Mi sentas, ke la vero sole nun apenaŭ ekmalkonfuziĝas por mi. Kaj tiu-ĉi sento estas treege ĝoja. » (La vortoj al Dosjev.)

1908. — « Estas strange diri, ju pli longe mi vivas, des pli bone mi sentas min. Ŝajnus, ke pli bone jam ne povas esti, sed tamen estas ĉiam pli bone. » (Letero al Najivin.) —

1909. — « Lasu min fini la vivon en tiuj religiaj konvinkoj, kiujn mi alvenis (mi opinias, ke mi ne eraras) per sincera deziro plenumi, la volon de tiu, kiu sendis min en la vivon. » (Letero al pastro). — « Kristaneco kaj mortekzekuto. »

1910. — « Mi ne troviĝas, bedaŭrinde, en malliberejo, sed mia malliberejo sen kradaro iafoje, dum momentoj de malforto, ŝajnas al mi pli malbona, ol la via; vi sentas doloron, sed mi la senĉesan honton. » (Letero al Moočnikov). — La 28 oktobro L. N. forlasis la hejmon, kaj familion, vizitis sian fratinon, la monaĥinon, kaj intencis veturi pluen (oni supozas, en Kanadon al « duhoboroj ») por vivi inter la popolamaso, sed ekmalsaniĝis kaj la 7 novembro mortis en la fervoja stacio Astapovo. »

A. Vejtcler. (Del. Rostov).

## PROVERBOJ

Urson al mielo oni ne tiras per orelo.
Petro rifuzas, Paŭlo ekuzas.
Ju pli da bruo, des malpli da ĝuo.
Virino eliĝis, kaleŝo senpeziĝis.
En trankvila vetero ĉiu remas sen danĝero.
Kie regas virino, malbona estas la fino.
Se edzino ordonas, domo ordon ne konas.
Ne spiciĝas manĝo de mastrina beleco.
Edzin'admirata, edzo malsata.
Virino scias, tuta mondo scias.
Kie diablo ne povas, tien virinon li ŝovas.
La plej danĝera homo — malbonulin' en domo.
Malbona virino diablon superas.
Virino kolera pli ol hundo danĝera.
Virina lango buĉas sen sango.
Ne ekzistas savo kontraŭ malbona virino.
Virino havas haron longan kaj saĝon mallongan.
Virina ploro sen valoro.
Larmo virina baldaŭ sekiĝas.

*El Proverbaro* de D-ro M. Zamenhof.

# ○ LITERATURA PAĜO ○

FELIETONO

## La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

Ĉe la tria angla danco ni estis la dua paro. Kiam ni tradancis la vicon, kaj mi, Dio sciu, kun kia ĝojego pendis je ŝia brako kaj okulo, kiu estis plena je la plej vera esprimo de la plej malkaŝita, plej pura plezuro, ni preterpasas sinjorinon, kiu pro ŝia aminda mieno sur ne jam tute juna vizaĝo estis al mi rimarkinda. Ŝi ridetante rigardas Ĥanjon, levas fingron minacantan kaj nomas dufoje la nomon Alberto kun multe da signifo.

« Kiu estas Alberto » mi diris al Ĥanjo, « se ne maldecas demandi? » Ŝi estis respondanta, kiam ni devis disiri por fari la grandan okon (1), kaj mi kredis ekvidi kelkan mediton sur ŝia frunto, kiam ni preterpasis nin reciproke. — « Kial nei? » ŝi diris donante la manon por promenado, « Alberto estas honesta viro, je kiu mi preskaŭ fianĉiniĝis. » — Tio ne estis al mi novaĵo (ĉar la fraŭlinoj diris ĝin al mi voje) kaj tamen estis tiel novega, tial ke mi ne ankoraŭ pripensis ĝin rilate al ŝi, kiu en tiel malmultaj momentoj fariĝis al mi tiel ŝatinda. Sufiĉe, mi konfuziĝis, forgesis min kaj enŝoviĝis en la malĝustan paron, tiamaniere ke ĉio malordiĝis kaj la tuta apudesto de spirito kaj ŝirado kaj tirado de Ĥanjo estis necesaj por reordigi ĝin rapide.

La danco ne ankoraŭ finiĝis, kiam la fulmoj, kiujn ni jam delonge vidis lumantaj, kaj kiujn mi diris malproksimaj, komencis plifortiĝi kaj la tondrado sonis pli forte ol la muziko. Tri fraŭlinoj kuris el sia vico, kiujn sekvis la sinjoroj; la malordo ĝeneraliĝis kaj la muziko ĉesis. Kiam akcidento aŭ teruraĵo ĉe la plezuro nin surprizas, nature ĝi faras al ni pli fortajn impresojn ol aliokaze, parte pro la kontrasto, kiu tiel sentegiĝas, parte kaj pli ankoraŭ, tial ke niaj sentoj per unu fojo estas malfermitaj al la sentebleco kaj sekve pli rapide akceptas impreson.

Al tiuj-ĉi kaŭzoj mi devas atribui la strangajn grimacojn, kiujn mi vidis farataj de kelkaj sinjorinoj. La plej prudenta sidiĝis en iun angulon kun la dorso kontraŭ la fenestro kaj ŝtopfermis la orelojn. Alia genuis antaŭ ŝi kaj kaŝis la kapon en la robo de l'unua. Tria ŝovis sin inter ilin ambaŭ kaj ĉirkaŭprenis siajn fratinetojn kun milo da larmoj. Kelkaj deziris iri domen, aliaj, sciantaj ankoraŭ malpli, kion ili faris, ne eĉ havis tiom da konscio por deturni la nerespektaĵojn de niaj junaj kisrabistoj, kiuj ŝajnis tre okupataj, kapti for de la lipoj de la belaj mizerulinoj ĉiujn timplenajn preĝojn kiuj estis destinitaj al la ĉielo. Kelkaj el niaj sinjoroj estis malsupren irintaj por trankvile fumi pipeton, kaj la cetera ĉeestantaro ne malkonsentis, kiam la mastrino bone ekdecidis konduki nin en ĉambron, kiu havis fenestrajn kovrilojn kaj kurtenojn. Apenaŭ ni estis tie, kiam Ĥanjo ekformis rondon per seĝoj kaj, kiam la gesinjoroj je ŝia peto sidiĝis, faris la enkondukon en ian ludon.

Mi ekvidis pli ol unu, kiu esperante ŝukplenan garantiaĵon pintigis la buŝeton kaj etendis la membrojn. — « Ni ludas nombradon », ŝi diris. « Nu atentu! Mi rondiros de dekstre maldekstren, kaj sammaniere vi ronde nombros, ĉiu la nombron sekvontan, kaj tio devas fariĝi kiel kuranta fajro, kaj kiu ajn haltos aŭ eraros, ricevos survangon, kaj tiamaniere ĝis mil. » — Nun ĝi estis ĝojiga aspekto. Ŝi rondiris kun etendita brako. Unu, komencis la unua, la najbaro du, tri la sekvanta, k. t. p. Tiam ŝi ekiris pli rapide, ĉiam pli rapide, jen iu eraris; krak! survango, kaj pro la ridado la sekvanta ankaŭ krak! kaj ĉiam pli rapide. Mi mem ricevis du vangfrapojn kaj kredis plezure rimarki, ke ili estis pli fortaj ol tiuj, kiujn ŝi kutimis doni al la ceteraj. Ĝeneralaj ridado kaj konfuzo finis la ludon, antaŭ ol la milo estis elnombrita. La intimuloj flanken iris, la fulmotondro estis ĉesinta, kaj mi sekvis Ĥanjon en la ĉambregon. Dume ŝi diris: « De la vangfrapoj ili forgesis fulmotondron kaj ĉion! » — Mi ne povis respondi al ŝi. — « Mi estis », ŝi daŭrigis, « unu el la plej timemaj, kaj ŝajnigante min kuraĝa por fari sentimaj la aliajn, mi ekkuraĝiĝis. » — Ni ekstaris apud la enestro. Tondris flanke. kaj la belega pluvo fluetis sur la kamparon, kaj la plej refreŝiga bonodoro ekleviĝis al ni en varma aero. Ŝi staris apogite je la kubuto; ŝia rigardo penetris tra la regiono, ŝi ekrigardis la ĉielon kaj min, mi vidis ŝian okulon larmoplena, ŝi metis sian manon sur la mian kaj diris — « Klopstock! » — Mi tuj ekmemoris la belegan odon (1), pri kiu ŝi pensis, kaj dronis en fluego da sentoj, kiun ŝi verŝis sur min per tiu ĉi vorto. Mi ne elportis ĝin, kliniĝis sur ŝian manon kaj kisis ĝin kun la plej ĝojegoplenaj larmoj kaj ree rigardis al ŝia okulo. — Noblulo! vi estu vidinta vian adoron en tiu ĉi rigardo, kaj mi neniam plu aŭdu nomi vian nomon tiel ofte malhonorigitan!

La 19-an de junio.

Kie mi haltis en mia rakonto, mi ne jam scias; tion mi scias, ke estis la dua nokte, kiam mi ekkuŝis, kaj ke eble mi estus reteninta vin ĝis la mateno, se mi estus rakontinta al vi anstataŭ skribinta.

Kio okazis dum nia reveturado de la balo, mi ne ankoraŭ rakontis, nek estas nun en tia stato.

Estis la plej belega sunleviĝo! La gutetanta arbaro kaj la refreŝiĝinta kamparo! Niaj kunulinoj ekdormetis. Ŝi demandis min, ĉu mi ne faros la samon. Pri ŝi mi estu senzorga. « Dum tiujn ĉi okulojn mi vidas malfermitaj », mi diris kaj rigardis ŝin konstante, « tiel longe ne estos danĝero! » Kaj ni ambaŭ persistis ĝis ŝia pordego, kie la servistino senbrue malfermis kaj certigis je ŝiaj demandoj, ke la patro kaj la malgranduloj fartas bone kaj ĉiuj ankoraŭ estas dormantaj. Jen mi forlasis ŝin petante, ke mi povu revidi ŝin la saman tagon; ŝi permesis ĝin kaj mi venis, kaj depost tiam sumo, luno kaj steloj trankvile povas agi laŭvole, mi scias nek ke estas tago nek ke nokto, kaj la tuta mondo perdiĝas ĉirkaŭ mi.

La 21-an de junio.

Mi vivas tiel feliĉajn tagojn, kiajn Dio rezervis al siaj sanktuloj; kaj kio ajn fariĝos al mi, mi ne povos diri, ke mi ne ĝuis la ĝojojn, la plej ĉastajn ĝojojn de la vivo. Vi konas mian Wahlheim (valhejm); tie mi ekloĝis; de tie mi bezonas nur duonhoron por iri al Ĥanjo, tie mi sentas min mem kaj ĉiun feliĉon donitan al la homoj.

Elektante Wahlheim por miaj promenadoj, ĉu mi estus pensinta, ke ĝi kuŝas tiel proksime al la ĉielo! Kiel ofte mi ekvidis la ĉasdomon, kiu nun enhavas ĉiujn miajn dezirojn, en miaj migradoj jen de la monto jen de la ebenaĵo trans la rivero!

*(Daŭrigota.)*

*Pro manko de loko ni estas devigataj prokrasti ĝis la venonta N° la bibliografion de nia kunlaboranto VERTO.*

(1) Parto de la danco. Rimarko de la Trad.

(1) La odo « Frühlingsfeier » (printempa soleno) de la germana poeto Klopstock. Rim. de la Trad.

# ESPERANTISMO

## KRONIKO

*(El niaj specialaj distriktaj korespondantoj)*

**Nord-Okcidenta Usono.**

*Bona propagando.* — Dum januaro 1911 kol. J. C. Cooper, prez. de la Nord-Okcid. Asocio veturos per vagonaroj mil mejlon por organizi klubojn en la urboj kaj urbetoj de Okcidenta Oregon.

La komerca klubo de Portland, kiu enhavas 1500 membrojn eldonis 4.000 esp. libretojn ilustritajn kiujn la sekretario S-ro W. L. Crissey sendas senpage al ĉiu petanto. — J. C. C.

**Sud-Orienta Francujo.**

La Federacio Esperantista Rodana sendas al ĉiuj siaj grupoj novan cirkuleron por instigi ilin ke ili varbu al la projekto de senatoro Lucien Cornet, baldaŭ prezentota al la deputataro pri oficiala enkonduko de Esperanto en la francajn lernejojn, kiel eble plej multe da deputatoj. Jam 54 favoraj respondoj estas ricevitaj. — E. G.

**Adriatika Distrikto.**

En Triest U. E. A. multe progresis de kelkaj monatoj; jam 26 personoj aliĝis por 1911. La jara kunveno kiu okazis dum novembro havis grandan sukceson. Preskaŭ ĉiuj esperantianoj ĉeestis, partoprenis en vivplena diskutado kaj donis multe da utilaj ideoj por la estonta agado en la regiono.

Fondiĝis Rondo Esperanta, tre vivplena Asocio enhavanta jam 100 membrojn, kiu autaŭ nelonge luis propan sidejon kaj per kursoj, paraladoj kaj ekskursoj en la ĉirkaŭaĵo multe helpas al la divastiĝo de nia afero. — V. P.

**Pariza Distrikto**

*11 decembro.* — Festo de propagando en Argenteuil. Parolado de S-ro Raoul Bricard, profesoro en la Konservatorio de Artoj kaj Metioj kaj vicprezidanto de la Grupo de Paris, Teatra parto organizita de la artistoj de Stela-Koncerto.

*12 decembro :* Kutima vespermanĝo de la Grupo esperantista de Paris kiun ĉeestas deputatoj de la franca parlemento : S-roj Albert Wilm, Charles Lebouck, Komandanto Driant, la granda industriisto Michelin, la fama jurnalisto Hugues Le Roux.

*15 decembro.* — En la Stela-Koncerto, esperantista festo, kun parolado de S-ro G. Chavet pri la kongresoj de Washington kaj Anvers, kun lumbildoj.

*17 decembro.* — Unua monata vespermanĝo de la Komisio de propagando de la Grupo de Paris, sub la prezido de S-ro Ernest Archdeacon.

*18 decembre.* — Propaganda festo en Chatou, por fondi novan grupon. S-ro Aimé faras paroladon.

*19 decembro.* — La nova kaj fama jurnalo *Excelsior* publikigas artikolon de la franca humoristo Tristan Bernard : « L'esperanto tel qu'on le parle ». La jurnalo *Le Matin* montras fotografon de la lasta flugado de Farman : per grandega skribaĵo, oni demandas lin en Esperanto : «Ĉu vi estas bone? »

*15 decembro.* — Jara festo de la Grupo de la Latina Kvartalo de la Grupo de Paris. Parolado de S-ro Aymonier, profesoro en la liceo Buffon, Ludo de « Amours espérantistes », kantoj, deklamoj en Esperanto kaj franca lingvo, loterio, kristnaska abio. — G. C.

**Persujo kaj Ĥinujo.**

U. E. A. penetras ĉien ! Ĝis nun Ĥinujo kaj Persujo ne havis reprezentantojn en nia Asocio. Tiu manko estas forigita. Nia nova Del. en Shangaï varbis al ni kelkajn ĥinojn kiel Esp-ianojn. Aliflanke nova Del. estis elektita en Tabriz (Persujo). Ni do povos baldaŭ kalkuli persojn inter la Esp-ianoj.

## OKAZINTAĴOJ

**Novaj grupoj.** — *Blagoveŝĉenk-sur-Amur* (Azia Rusujo). *Rotterdam*, laborista klubo « La Espero ».

*Portlando.* — Multaj novaj kluboj. La Meminnville aliĝis al U. E. A.

**Kursoj.**— *Bordeaux*, laŭ permeso de S-ro Ferval liceestro, du kursoj farataj ĉiusemajne de S-ro Daire. — J. E.

*Trieste.* — Kurso organizita de la « Esp-Rondo », 130 lernantoj. — V. P.

*Grenoble.* — Dank al la klopodoj de S-ro Roy sek. de la grupo, de S-ro Gazin Akademia Inspektoro, de S-ro Lajonchère, inspektoro de la unuagrada Instruado kaj kun la helpo de la urbestraro, multaj kursoj estis organizataj : En la supera lernejo, 160 lernantoj, prof. S-ro Bonnat ; en la elementaj lernejoj 500 gelernantoj, prof. S-roj Bonnat, Roy, Vitally, Carrier, Tripier, S-inoj Blanc, Chavas, Piloix, Poncet, Fouillon ; en la komerca kaj industria Asocio 20 lernantoj, prof. S-ro Bonnat ; en la Unuiĝo de la laboristaj sindikatoj 30 lernantoj, prof. S-ro Bruyat. Speciala kurso por geinstruistoj (koresponde por la plej malproksimaj), prof. S-ro Roy ; Supera kurso (babilado) okazas ĉiujaŭde je la 8ª vespere en la kafejo Eymin, Bd Gambetta, prof. S-ro Sentis.

Entute 750 lernantoj al kiuj nun estas instruata nia lingvo en Grenoble. Imitinda ekzemplo. — E. G.

*Plevna.* — La grupo aranĝis du kursojn ; prof. S-roj Avramoff kaj Valev : Entute 60 lernantoj.

*Moreuil.* — Kurso farita de nia Del. S-ro Lemaire enhavas 41 lernantojn. — G. L.

**Kunvenoj kaj festoj.**

*La Centrokcidenta Federacio*, kunvenis la 25 dec. La grupo de Bourges estis elektita prezidanto kaj la grupo de Tours vicprez. por 1911. — J. E.

*En Hamburg* kaj *en Lisabona* la ses unuiĝintaj grupoj gaje festis la naskiĝtagon de nia majstro. — E. J., B. M. d'A.

*En Rotterdam*, dum kristnasko esp. ekspozicio tre vizitata ; multaj holandlingvaj broŝuroj pri U. E. A. venditaj. — P. S. V.

*En Pardubice*, la IIª kunveno de la Esperantistoj de Orienta Bohemujo kunvenis la 8 dec., 80 ĉeestantoj. Prezidis S-ro D-ro Fonsek. Amuza kaj instrua programo, teatraĵo. Bonaj paroladoj speciale de la prezidanto. Oni decidis ke en la kongreso de Aŭstriaj esperantistoj en Praha partoprenu ĉiuj bohemoj esp. sen rigardo, ĉu ili estas Asocianoj aŭ Unianoj. — D-ro F.

**Paroladoj.** — *Eu Lisabona*, la 15 déc. parolado de S-roj Horner, Eduardo dos Santos kaj Eduardo Moreira. La 23 dec. okazis ĉe la tiea grupo tre bela parolado de egipta samideano, S-ro Rafael Naklé, studento de leĝoscienco. Tre favoraj raportoj en la gazetoj. — B. M. d'A.

*Celanova.* — S-ro Prof. Salvador Padilla, faris la 15 dec. plej elokventan paroladon pri nia lingvo en la Skoljano kolegio. Granda sukceso.

*Parizo.* — En sia parolado dum la festo de la Latina kvartato, la 25 dec., S-ro Aymonnier, plej laŭde parolis pri nia Asocio. kaj ĝiaj servoj. — M. G.

*Lisabona.* — En Januaro malfermiĝos du kursoj de Esperanto en Lisabona : unu, elementa, en la Unniĝo Kristana de Junaj Viroj, profesoro S-ro Eduardo dos Santos ; alia, komplementa, en la grupo esperantista, profesoro, S-ro B. Martins d'Almeida. — B. M. d'A.

**En la nacilingvaj gazetoj.** — Bonaj artikoloj pri *Esperanto* kaj pri diversaj temoj verkitaj de esp. korespondantoj, en la rusa gazeto *Eĥo* en Blagoveŝĉenk. — A. B.

— Esperantan fakon baldaŭ havos la monata gazeto *Stenographo Illustrado*, en Portugalujo. — B. M. D'A.

## OKAZONTAĴOJ

(En la celo ĉiam pli kaj pli plene informi niajn legantojn ni insiste petas niaj D. D. kaj Del. ke ili bonvolu anonci al ni ĉiujn festojn, kunvenojn, kongresojn okazontajn, tuj kiam ili precize scias la daton).

*Kongresoj kaj festoj.* — Marto 24. — Jara festo de la grupo de Le Creusot (Burgonjo).

*Aprilo*, 22-23. — Kongreso de la S. F. P. E. en Lyon. — Kongreso de orientbohema Esperantistaro.

*Junio*, 4-5. — Kongreso de Sudokcidenta franca Federacio en Limoges.

*Julio.* — Kongreso de la Esperanto-Asocio de Nordameriko en Portland (Oregon).

## DIVERSAĴOJ

∴ *Esperanto kaj Literaturo.* Sendinte sian libron al diversaj politikaj aŭ literaturaj eminentuloj, S-ro Archdeacon ricevis sufiĉe multajn aprobojn. Citinda estas la respondo de la konata franca verkisto Léon Frapié.

«...El mia vidpunkto de filozofo kaj verkisto, kio min plej multe frapis, estas la literatura kaj sekve la socia valoro de tiu lingvo. Tio estas, laŭ mia opinio, la plej certa garantio de ĝia estonta sukceso ; lingvo pure komerca kaj afera neniam vivos kaj divastiĝos. Lingvo, inda de tiu nomo, devos esti la ĉiam preta instrumento, per kiu vibras niaj ĝojoj kaj doloroj. Nur per tiu signo ni ĝin rekonos. Nu, lasante flanke la originalajn verkojn, kies ekzameno tirus min tro malproksimen, mi estis frapata de la neatendita kaj ofte rimarkinda valoro de la Esperantaj tradukaĵoj. D-ro Zamenhof, aparte, faris pri kelkaj klasikaj ĉefverkoj, nome *Hamlet* la *Rabistoj* kaj *Ifigenio* tradukojn, pri kiuj mi povas aserti, ke ne ekzistas pli bonaj en ia alia lingvo. Esperanto esta vivinda kaj vivos, ne nur ĉar ĝi faciligas la komercajn kaj turismajn interrilatojn, sed ĉar ĝi montris sin kapabla faciligi la recipokan interpenetriĝon de la popoloj sur la kampo de l'inteligento kaj penso, kaj tiel festi la alvenon de frateco, kies revo ŝajnas al ni fine realigebla ».

Oni ŝatus trovi tiun altan kaj plenan komprenon de Esperantismo ĉe multaj malnovaj Esperantistoj.

∴ *La Esperanta poezio.* En la gazeto *Les Droits de l'Homme*, nia kunlaboranto Privat skribis interesan artikolon pri Esperanta poezio kun kelkaj ekzemploj.

∴ *Esperanto kaj loterio.* Multaj Esperantistoj ricevis (en fermita koverto pro la leĝoj de kelkaj landoj) prospekton Esp. de granda loterio. Nedubeble Esperanto progresas, ĉar per ĝi oni penas eltiri la monon de la naivuloj.

∴ *Por Boulogne-sur-Mer.* La mondonaco por la orfoj de maristoj pereintaj la 11/12-an de Novembro 1910 en Boulogne-sur-Mer, ĝis nun produktis Sm. 67,40. Oni povas sendi la donacojn al nia Del. en Boulogne-sur-Mer : D-ro Baire, 74, rue des Pipots.

∴ *Ekskurso en insulo Korsiko (Corse).* Grupo de Esp-istoj organizas ekskurson al la insulo Korsiko dum Paska libertempo, en plej favoraj kondiĉoj. La nombro de la aliĝantoj ne devas superi 40. Sin turni al D-ro Pannier, Anvers, Seine-et Oise (Franc), kun respondkupono.

∴ *Deklaro de Antido.* — Ni ricevas la jenan deklaron :

Pri mia broŝuro Antido 2, mi deziras fari la jenan deklaron por eviti ĉian malkompreniĝon : Mi *ne* proponis ŝanĝon en Esperanto kaj kompreneble mi daŭrigos uzi kaj propagandi la Zamenhofan lingvon ; mi simple montris ke se oni ekzamenas kaj kritikas nian lingvon laŭ *scienca* vidpunkto, oni nepre *ne* alvenas al la konkludoj de Ido, sed oni alvenas ĉu al nuna Esperanto, ĉu al la konkludoj de Antido, kiu donas la plej facilan manieron malaperigi la grave kritikatajn punktojn : la ortografio kaj la plurala finaĵo.

Sed mi konsentas ke la scienca vidpunkto ne estas la sola, kaj kiel diris D-ro Zamenhof en Washington, pri tio povas decidi nur la registaroj aŭ la vivo mem. Mia broŝuro estas nur ilo por teoriaj diskutoj kun kontraŭuloj kiuj ofte pretendas al monopolo de la scienco.

∴ *Nova studenta societo.* — Oni petas nin informi, ke fondiĝis Internacia Studenta Esperantista Frateco, en la celo interligi la diversnaciajn gestudentojn, disvastigi Esp. ĉe gestudentoj, instigi korespondadon inter la ĉiulandaj studentoj. Jara kotizo : 50 Sd. Adr. : A. Arnold, 241 St. Marks Place, New-York (U. S. A.).

∴ *Propaganda peresperanta vojaĝo.* — Oni petas nin denove atentigi pri la interesa mond-vojaĝo peresperanta, kiun intencas fari S-ro Parrish, el Los Angeles (Usono). En ĉiuj urboj, kien oni lin vokos, li faros Esp. paroladon pri Usono, akompanatan de belaj lumbildoj de vidaĵoj Usonaj, speciale Kaliforniaj ; krom tio kelkaj bildoj estos dediĉataj al Esp. propagando.

La grupoj, kiuj deziras tian paroladon, rapidu skribi al S-ro Parrish, 4,525 Moneta ave, Los Angeles (Kalifornio, U. S. A.).

## TRA LA GAZETARO

∴ *Lingvo Internacia.* El la ĉefartikolo *Forte ni staru* :

... Pli firme ol iam, je la fino de tiu ĉi kvarjara periodo, ni estas konvinkitaj, ke se ni ne staras kvazaŭ alligitaj al la neŝancelebla roko de nia Fundamento, se ni ne restas internacie kaj fidele grupigitaj cirkaŭ tiu sola roko de nia internacia unueco, ni baldaŭ estos disjetitaj de la ventegoj kaj ondegoj tien ĉi kaj tien al malfeliĉa pereo. Pli dangera tamen, ol ventoj kaj ondoj, estas ankoraŭ la voĉo de la Sirenoj. Ĝi allogas, altiras, kaj tiuj, kiuj, aŭskultinte ĝin, forlasas la firmaĵon por obei ilian alvokon, rapide pereas sen honoro en maro trankvila kaj indiferenta. Al tiuj ni estu do precipe severaj, kiuj, eĉ bonintence, promesus al ni, se ni nur konsentus akcepti kelkajn plibonigojn, estontan pacon ! Falsa estis tia dolĉa kanto kaj mensoga, kiel estis tiu de la antikvaj Sirenoj...»

Sub titolo « Pliboniganta manio » sprita kritiko de D-ro Corret pri la nova franca-Esp. vortaro Grosjan-Maupin.

∴ *Internacia medicino* estas la nomo de la nova oficiala organo de T. E. K. A. La unua nº jus aperis kaj enhavas multajn originalajn artikolojn pri medicinaĵoj, referatojn, informojn pri TEKA. La gazeto estas presata laŭ duobla Monoformato. Bonan sukceson ! (jare, 3 Sm. — A. Thalwirtzer, Kœtzsckenbroda-Dresden (Germ.).

∴ *Internacia Stenografia Gazeto Gabelsberger.* Tiu nova gazeto (kun stenografia aldono) estos la organo de Internacia Stenografia Esp. Ligo. Ĝi celа kunigi la diverslandojn Gabelsberger'anojn. Red : D-ro Schramm, Dresden-2o (Germ.). Kotizajo : 1,50 Sm.

∴ *Fervojo-Esperantisto.* Monata gazeto, plej parte germane, organo de la unuiĝo de germanoj fervojistoj-esperantistoj. Jare : 1 Sm. Adr : Küllenbahn bei Elberfeld.

∴ Tro da gazetoj ! La evolucio montrita de ni direktoro akcentiĝas :

*La Duonmonata* anoncas, ke pro manko de materia subteno ĝi ĉesas aperi.

— *Norvega Esperantisto* informas, ke se ĝi ne havas 200 abonantojn je la 15 januaro, ĝi ĉesos aperi.

— *Finna Esperantisto* ne povas aperi regule pro manko de abonantoj. Ĝi bezonus 300 anstataŭ 90.

— Samkaŭze *Austria Esperantisto* anoncas, ke ĝi aperos nur dumonate.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Diversaj Avizoj.** — Kiel ni anoncis, la *Oficiala Jarlibro* de U. E. A. aperis kaj ĝia dissendado komencis en la unuaj tagoj de januaro. Ni ricevis de kelkaj membroj plendon pro tio, ke ili ne povis pli frue ricevi sian Jarlibron, kies apero estis promesita por la monato decembro. Ni mem tre bedaŭras tiun fakton, sed plena represado de la Jarlibro, senĉesa korektado de ĝi por fari ĝin kiel eble plej fidinda, necesigis pli multe da tempo ol ni antaŭvidis, tiel ke ĝi estis preta nur en la fino de decembro.

⁂ Ni rememorigas al nia Del., ke la *Jarlibro* estas sendata senpere al la membroj kun ilia rajtiga karto. Sekve, ni petas, ke ili bonvolu plej zorge skribi la adresojn precizajn de niaj menbroj sur la specialan membroliston. Jarlibroj, kiuj revenos al ni, pro nekompleta adreso estos resendataj nur se la koncernata membro pagas la poŝtelpezojn por tio (6 sd).

⁂ La nº 10 de la Oficiala Bulteno estos sendata al niaj Del. verŝajne en la fino de januaro.

⁂ *Varbiloj de Esperantiaj Entreprenoj* en *angla lingvo* jus aperis. Provizore ili estos sendataj al la anglolingvaj Del. samtempe kun la nº 10 de la Oficiala Bulteno.

⁂ Ni rememorigas, ke ni eldonis specialajn kaj detalajn cirkulerojn en *franca kaj germana* lingvo por faciligi la varbadon de *Esperantiaj Entreprenoj*, speciale de firmoj aŭ organizajoj ne esperantistaj. Ni senpage sendos provizon da ili al ĉiuj Del., kiuj deziras. Tiuj varbiloj estas tre rekomendataj.

⁂ El la eldonajoj de la *Esperantia Biblioteko* ĝis nun aperis nur : franclingva broŝuro pri *Esperantismo* (24 paĝoj kun Esperanto-gramatiketo), prezo 8 sd. afranke. *Franclingva propaganda folio*, en kvarobla Mono, tre rekomendinda por ĉiuj propagandistoj, kun kelkaj informoj pri la lingvo. Prezo : 50 ekz., 50 sd. afranke ; 100 ekz., 1 Sm. afranke. La angla broŝuro kaj germana folio estas en presado kaj estos aĉeteblaj en februaro.

**Statistiko.** — Jen la *movado de la korespondajoj* dum la du lastaj monatoj :

| | Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj | Sumo |
|---|---|---|---|---|
| *Novembro* | 1168 | 1785 | 192 | 3.145 |
| *Decembro* | 1250 | 1292 | 226 | 2.768 |

Tiuj ĉi ciferoj montros, kiel kreskis la laborado de la Centra Oficejo de U. E. A. en la lasta tempo. En decembro 1909 la movado de la korespondajoj atingis 1765 (nun 2768 !).

**Al niaj membroj.** — Ni rememorigas, ke la Esperantianoj kiuj, sendinte informpeton al Delegito kaj akompaninte ĝin per respondkupono, ne ricevis respondon havas la *devon*, tion konigi al ni. Tion farante ili ne nur uzas tute sian rajton, sed ankaŭ helpas al ni por la kontrolado de niaj servoj. Ĉiuj plendoj devas rememorigi la daton de la sendo de l'informpeto kaj la temon.

La Direktoro.

FINANCOJ

*Konteltiro de U. E. A. dum Novembro*

| Elspezoj | $ | Enspezoj | $ |
|---|---|---|---|
| Lupago | 24 24 | Kotizajoj | 446 45 |
| Salajroj | 131 40 | Aprobantoj | 2 » |
| Oficejo, korespondado | 110 80 | Dumvivaj Membroj | 40 » |
| Materialo | 54 40 | Esperantiaj Entrepr. | 62 20 |
| Diversajoj | 3 72 | Gvidfolioj | 12 » |
| | 324 56 | Malnova konto | 8 96 |
| *Saldo* | 326 65 | Anoncoj | 22 66 |
| | | Donacoj | 6 07 |
| | 651 21 | Aviado | 9 70 |
| | | Venditajoj | 36 17 |
| | | Diversaj enspezoj | 5 » |
| | | | 651 21 |

**Novaj Del., Vicdel. aŭ Subdel.**

Aix-sur-Vienne (Francujo). — Gabriel Picah, komerca vojaĝisto, café de la Poste, Subdel.

Baku (Rusujo, Kaŭkazo). — P. V. Piĉugin, Cerkovnij Dvor.

Batum (Rusujo, Kaŭkazo). — Simeon Mkrtiĉjan, instruisto de Armena lernejo.

Cardiff (Anglujo). — David Rhys Jones, kuracisto, 19, Paget str.

Colorado Springs (Usono). — Stevenson, 607, N. Pine str., Vicdel.

Cambrai (Francujo, Nord). — P. Marissiaux, 8, rue des Carmes.

Gloucester (Anglujo). — Geo L. Preedy, Tweenbook, Ave 2.

Idaho-Springs (Usono, Colorado). — Lucy W. Underhill, Box 6, Subdel.

Kamar (Rusujo, Ekaterinoslav). — Vladimir Lebedev, kuracisto.

Kismarton (Hungarujo). — Prof. Karolo Lomoschitz.

Malenbeck (Belgujo). — Diederick, 18, rue de la Carpe, Subdel.

Memmingen (Germanujo, Bavarujo). — W. Dippner.

Munchen (Germanujo, Bavarujo). — Hans Hübner, Sedanstr. 22-II, Vicdel.

Nieuwe-Niedorp (Holando). — Christian Ramper.

Nuits-Saint-Georges (Francujo, Côte-d'Or). — Badier, rue Thurot, Vicdel.

Pavia (Italujo). — Angelo Mariani, Seminario Vescovile.

Radeburg (Germanujo, Saksujo). — Rudolf Fischer, Subdel.

Salonique (Turkujo). — Themistoclis C. Valaouris, ĉe Fotioz J. Tsitsas.

Tabriz (Persujo). — Ardachez Der Hovhannissiantz, La Banque Impériale de Perse.

Vesoul (Francujo, Haute-Saône). — Mossmann, Profesoro ĉe la liceo.

Viggiu (Italujo, Como). — Pier Carlo Monti.

Zagreb (Aŭstrio, Kroatujo). — Ivan Stalzer, juristo, Universitato.

**Ŝanĝoj.**

Belgrad : La Del. estas nun, Inĝ. Drag. Andonovic, Lukina, 4. La Vicdel., estas nun, Drag. Petrovic. — Budapest : La Vicdel. estas nun, Jenœ Forster, IV. Terez Kœrut, 35. — Nový-Bydzov : La Del. estas nun, Eduard Kebort, 123. — Nuits-Saint-Georges : La Del. estas nun, Constant Monnet, 5, impasse du Pont. — Potsdam : La Del. estas nun, Markan, instruisto Mangerstr., 16. — Voronej : La Del. loĝas nun, Aleksandro Vasljev, Azovsko-Donskoj Kommeĉeskij Bank.

NIAJ KONKURSOJ

## Esperantia Ŝildo

Ni ricevis entute 27 projektojn konformajn al la kondiĉoj de la konkurso. Tiuj projektoj estis submetataj al juĝantaro, kiu eliminis unue 16 projektojn ; la 11 aliaj estas nun ekzamenataj. Ni esperas, ke ni povos aperigi la detalajn rezultatojn de la konkurso, kun la nomoj de la laŭreatoj, en la venonta Nº.

## Esperantia Vivo

**Naskiĝoj.** — S-ro Cornelis, Lambertus, filo de S-ro Wit, Espiano en Rotterdam ; S-ro Armand Eugène Landenne, filo de S-ro L. Landenne, Del. en Huy.

**Edziĝo.** — S-ro Nikolao Muhatajer kun Fino Ekaterina Borodulina, geesp-ianoj en Serpuhov.

**Mortoj**. — En Kovno mortis nia fervora Vicdel, S-ro A. Ketric, 21 jaro. La mortinto jam antaŭ 7 jaroj ellernis Esp. kaj lastatempe multe laboris por nia afero. Li estis unu el la fondintoj de Kovna societo, kiu ŝuldas al li sian sukceson.

.˙. Ni kun bedaŭro eksciis la morton de S-ro D-ro Grodvolle, nia Del. en Tours prez. de la Esp, grupo kaj iniciatinto de nia movado en Tours. S-ro Grodvolle estis tre konata en Tours pro sia partopreno en multaj filantropiaj societoj. Ni sendas al lia familio niajn sincerajn kondolencojn.

# Esperantia Parolejo

## Esperantistoj kaj Pacifistoj

Kvankam mi ne tute interkonsentas kun la rimarkoj pri mia alvoko al la pacifistoj, mi kredas ke estos tre grava afero se la pacifistoj Esp.-istoj kunvenante multenombraj al la XIX[a] Universala Kongreso por la paco en Roma, kiu okazos dum la *11a 14a de la venonta oktobro*, organizos specialan Esp. kunvenon por pridiskuti laŭ la Esperantisma sento kiel pli praktike agi por la paca movado.

De kelkaj samideanoj mi jam ricevis aprobojn al mia alvoko kaj ilin dankante mi invitas ilin kunlabori kun mi por la preparo de tiu kunveno. La interhelpado de pacifistoj kaj Esperantistoj estas tre dezirinda, kiel tiel bone diras S-ro Meyer, Del. en La Rochelle, kaj mi esperas ke ĝis la reapero de la revuo *Pacifisto*, de S-ro Moch, Esperanto malfermos specialan rubrikon : « Paca Movado » tiel same kiel mi sukcesis kaj miaj kolegoj sukcesos malfermi specialan rubrikon « Esperanto » en pacaj revuoj.

Tial komencante tiun rubrikon mi invitas la Del. kaj la Esp.-ianojn interesiĝi al ĝi la pacifistojn de sia lando, informi la pacajn revuojn pri nia rubriko kaj nia movado kaj kolekti informojn kaj proponojn pro la dirita kunveno. Se ni iros al Roma kun praktikaj proponoj kaj tiujn pridiskutos per nia kara lingvo ni atentigos efike la aliajn pacifistojn pri la praktika aplikado de Esperanto. Ni devas montri kiel praktikaj pacifistoj estas la Esperantistoj, kiuj jam solvis la gravan problemon : la malhelpon de la diverseco de la lingvoj per unu sola vivanta lingvo Esperanto, kaj tute ĝuste kiel diras S-ro Hodler ni povos montri ke la esperantismo jam kondukis la homojn unue amike rilati inter si.

La laboro de S-ro Moch ne estis vana kaj mi esperas ke baldaŭ laŭ la deziresprimo de la VI[a] Kongreso oni restariĝos la societon « Pacifisto » kiu aliĝos al la Kongreso de Roma kaj samtempe vokos la esperantistojn viziti Romon dum Oktobro 1911 por ĉeesti specialan pacan Esp. kunvenon.

A. Stromboli (Del., Genova).

## Pri inĝeniera Asocio

Laŭ la noto en Esperanto № 89 mi opinias, ke la ideo pri « Internacia Esperanta Inĝeniera Asocio » estas bona kaj natura. Sed la organizado de tiu ĉi asocio estas tre malfacila, ĉar inĝ-meĥanikistoj, inĝ-elektristoj ĥemiistoj, arĥitektoj, ktp., kiel inĝ-konstruistoj kaj inĝ-fervojistoj kaj en diversaj gradoj de perfektiĝo, kaj laborrilatoj, civilizacio kaj klereco estas tre heterogenaj asocieroj.

La reala, pozitiva utilo de tiu ĉi asocio devas krei la kunliĝon de ĉiaj tiuj ĉi elementoj.

Mi opinias, ke la Internacia Esp. Inĝ. Asocio konvene devas esti aranĝita en kvin fakoj, kiel sekvas :

I. Scienculoj kaj inĝenieraj teoriuloj, Pedagogoj, samtempe membroj de U. E. A. kaj Scienca Asocio. Vras Int. Inĝ. ĵurnalon kaj I : Sciencan Revuon.

II. Protekto de la industria posedrajto, patentaj interesoj, financagado.

III. Universaliĝo de la entreprenoj, metodoj de laboro kaj universaliĝo de la normalpartoj de la konstruaĵoj. Ĉiaj patentkontoroj regnaj kaj privataj uzas la lingvon « Esperanto ». Aldonitaj kajeroj al Scinca Revuo pri novaĵoj kaj financagado kaj la katalogoj de normalpartoj.

IV. La inĝeniera internacia kontoro por labordono, distribuo de diversaj homaj fortoj laŭ demando de tutmonda intereso. Uzas nian gazeton « Esperanto ».

V. La inĝeniera internacia asekuro kontraŭ malsano, helpkaso por malsukceso en fremda lando, pensioj por la inĝeniero kaj por liaj vidvino kaj infanoj. Uzas la gazeton « Esperanto » kaj la tutan servaron de la U. E. A.

Tiamaniere kun klaraj kaj precizaj celoj, sin apogante al niaj jam pretaj organizoj la realiĝo de tiu bona ideo estas realigebla kun sufiĉa pacienco kaj energio.

B. J. Klingenberg (Del. Kristiania).

Kaschin (Rusujo, Tverskoj gub). — S-ro K. Smolenskij, PI., L.

Chateaurenard (Francujo, Provence).— S-ro Y. Delachet, PI., L.

Valencia (Hispanujo). — F-inoj Maria kaj Asucion Perez, C. Pelayo, No 30, PI.

Levallois-Perret (Francujo, Seine). — S-ro Fernando Lepercq, 2, rue Louis-Blanc, PI., PM., blfl.

Abbeville (Francujo, Somme). — S-ro Furcy-Racine, 120, boulevard République, PI.

Wischaû (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Gottfried Neŭbauer, sukerfabrikoficisto, dez. koresp. kun ĉiuland. gesam. prefere ekstereŭrop. per PI., L., kaj interŝ. PM. kaj fotografaĵojn.

Calais (Francujo, P.-d.-C.). — S-ro Edmond Mantez, profesoro de muziko, PI., L.

Budapest (Hungarujo). — S-ro Adallerto Szckfy V. ker. Csaklya, u, 4, L/18, volas korespondadi kun alilandaj samideanoj. Skribu ĉiu kiu legas tiun ĉi anoncon kaj kiu volas havi belegajn vidaĵkartojn. Ju pli vi rapide skribos despli rapide vi estos ricevinta la respondon.

*S-ro Krestanof* el Pirdop translokiĝis en urbo Peŝtera, kie li estas progiminazia instruisto. Li sciigas ke pro tioa okupo ĉesigas ĉian esper. korespondadon.

Červeny Kostelec (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro J.-B. Oldrich Adamek, teksista industriisto, PI., PM., bfl.

Charlottenburg-Berlin (Germanujo). — S-ro Wen Hsien Liu, Fritschestr,, 58, per multkoloritaj, PI. (esp. germ., angle, ĥine).

Berlin (Germanujo).— S-ro Karl Behrle, Stralauer Allee, 20, deziras korespondadi kun Japano kapabla traduki en la japanan lingvon, francan prospekton de « Universala Homara Unio ». Korespondas esperante, france, angle, germane, itale kaj hispane.

München (Germanujo).— S-ro Franz Schad, Dollmannstr. 40. PI.

Moskvo (Rusujo). — S-ro V.-A. Lebedev., B. Presnja d. 41 kv. 14. — S-ro A. Prager, poŝtovni jaŝĉik 409, PI., PM. kaj esperantaĵojn.

Paris (Francujo). — G. Charles, 10, rue Thouin (Ve). PI.

Pleven (Bulgarujo). — S-ro Peter A. Monov, PI., PK.

Barcelona (Hispanujo). — S-ro A. Miquel, str. Boria, 17, 2o, 3a. PI.

Saratov (Rusujo). — S-ro A.-M. Niŝĉenkov, Pokrovskaja na goraĥ No 10. PK., L., PI.

Partick (Skotlando). — S-ro Wallace Fyfe, 4. Ihornwood Terrace. PI., kun naciaj kostumoj.

Sofia (Bulgarujo). — S-ro Stanju Dakov, piroteĥnikisto, Ognestrelni sklad. PI.

Yokariz-Nazli No 14 (Turkujo). — S-ro Platon Smegaloïconomo, Pouille de Maiandre.

Ricey-Bas (Francujo, Aube). — S-ro Pol Dormoy, instruisto. PI., L.

Bamberg (Germanujo, Bavarujo). — S-ro K.-I. Loy, Ludwigstr. 1-t dez. interŝ. velofotportretojn.

Treorchy (Anglujo, South Wales). — S-ro W.-E. Davies, Park School, kun alilanduloj. PI.

Moskvo (Rusujo). — S-ro Wens Kulikov, Pokrovskaja, 61.

Carvello (Hispanujo, Barcelona). — S-ro José Casanellas, PI.

Rakovnik (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Hynek Černy. PM., PK. precipe kun arĥitekturaj vidaĵoj.

Saint-Jean-des-Vignes (Francujo, Saône-et-Loire). — S-ro Marcel Bretin, rue Morinet, PI.

Varna (Bulgarujo). — S-ro Vasil Simeonov Baĉvarov, PI., kun ekstereŭropanoj, precipe Ĥinoj kaj Japanoj, PM., blfl.

Selo Bogorodskoe (Rusujo, Nyegorodskoj gub). — Studento V. V. Ĥoĥlov, Gorbatovskago uezda, PI., L., PM.

Praha-Zizkov (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Y. Magr. Budovcova 211. PI., PM., bfl.

Holstebro (Danujo). — S-ro D-ro N.-P. Nielsen, L. PI. PM. — Ŝakludo.

Hildesheim (Germanujo). — S-ro Robert Werner, horloĝisto, Hoherweg, 18, PI.

Tourcoing (Francujo, Nord). — S-ro Camille Lochegnies, rue de Saint-Omer, 13, PI. Ĉiam respondos.

Kutna-Hora (Aŭstrio, Bohemujo).— S-ro Karel Ruml, Ŝultysova, 153, PI., PM., blfl.

Auxonne (Francujo, Côte-d'Or). — La Esp. Grupo, 25, rue Carnot, PI., L.

Saint-Peterburg (Rusujo). — S-ro Viktor Volynkin, studento Lesnoj Politeĥnikum, kun ĉiulandaj fervojistoj, L. PI., PM., bfl.

Paris (Francujo). — S-ro Michel Triché, 15, villa de l'Hermitage (XXe), PI., kun nefrancoj.

Lyon (Francujo). — Soldato A. Jullien, 157e d'infanterie, 1re compagnie, Fort Saint-Laurent.

Tours (Francujo, Indre-et-Loire). — S-ro M. Bricet de Maurillac, 47, rue de la Californie, PI., L.

Voronej gub (Rusujo). — S-ro Vladimiro Lutz, str. Ĥalutvinskaj domo No 4 bis de Karinskoj, pri homa vivo en aliaj landoj. — S-ro Boriso Kuinĝi, Reala lernejo de Černozuboj, pri aviado. — S-ro Georgio Dubjanskij, str. Logovaja, domo No 21, de Drjuĉin, pri diversaj temoj. — S-ro Andreo Sergejev, str. M. Dborjanskaja, 78, pri teĥniko. — S-ro Georgio Kuzmenko kaj S-ro Aleksandro Kudinov, reala lernejo de Černozuba, pri homa vivo en aliaj landoj. — S-ro Mitrofano Blagovesĉenskij, vira gimnazio en urbo Bobron, de Voroneja gubernio.

S. Peternica-Pleven (Bulgarujo). — S-ro Zaĥ Iliev kun fruktovinberkulturistoj ĉiulandaj. PK., PI.

Saratov (Rusujo). — S-ro V.-F. Pritikin, Guberuskaja Zemskaja Uprava, Straĥov, Otd. PI., L.

's Hertogenbosch (Nederlando). — S-ro Z. Pastoor, redaktoro, Postbox, 5. L. pri interesaj okazintaĵoj; ĉiam respondos per. PI.

Heinola (Finlando). — F-ino Ida Ronkanen, instruistino. — S-ro I.-A. Wirtanen, tajloro. — S-ro A. Wilja. — S-ro Hjo Tähkä, komercisto. — Br. Pakarinen, artisto. — S-ino Aino Weckman. — F-ino Karppinen. — F-ino Henni Ikonen.

Yokari-Nazli (Turkujo). — S-ro Kostandinos Zaglaris, skribisto, route Eglise, No 8.

Sainte-Savine (Francujo, Aube). — S-ro Henri Debarry, 16, rue Gallet. L., PI., PK.

---

## PETOJ KAJ PROPONOJ

POR JUNULOJ. — F. L. G. Maréchal, B.-A. Direktoro (Lingva fako), Northern institute, internacia komerca lernejo, prezidanto de Internacia Asocio de Instruistoj, 384, Kingston Terrace, Leeds, Anglujo, akceptas fremdajn junulojn kiuj deziras ellerni la Angl. Lingvon kaj komercajn metodojn. Banejo ; bilardĉambro, fumĉambro, k. t. p. Jare 500 Sm.

LABORO. — S-ro Souchay, 134, boulevard Exelmans, Pariza Laborkonsulo petas ĉiujn parizajn kaj francajn Esperantianojn sendi al li sian adreson kaj metion, por ke li povu respondi al la demandoj de metiaj korespondantoj.

HUNGARA JUNULO volus labori en ĝardenbienoj por akiri la praktikon necesan en faklernejo. Li flue parolas hungare, slovake kaj esperante. Adreso : J. Valentini, Vagybecskerek, Merci u, 5, Hungarujo.

NIAJ GEANOJ DEZIRAS koresp. kun geeksterlanduloj. La markoj estas gluotaj sur la bildflanko. Ĉiu karto tuj respondata. Adresu : al la Esp. Societo « Zamenhof », en Gœrlitz, Landeskronstr., 5, Germanujo.

INĜENIERO 36 JRRA, tre energia, lerta teknikisto, kondukis dum 18 jaroj ĉiuspecajn laborojn kaj marmorajn laborejojn proponas sian kunlaboradon al serioza firmo. — Adresu : boulevard Joseph V. 23, Charleroj, Belgujo.

GRAFOLOGIO. — Skizo estas farata por 2 markoj. Oni volu sendi deklinian skribaĵon, al Erich Glænzner, Berlin O. 34 Kœnigsbergerstr 13, kaj poŝtmandatojn al Erich Glænzner, Berlin, hauptpostlagernd.

UTILEGAJ ESPERANTAJ PROPAGANDILOJ EL silko : *flagetoj, kravatoj, rubandoj, vualskarpoj* verdstelumitaj por geesperantistoj estas aĉeteblaj ĉe S-ro B. Peyraud, vicdel. U. E. A. 54, rue Préfecture, Saint-Etienne. Francujo (*Rabato po 10 % al la Esp. Oficejoj de U. E. A.*) Kontraŭ respondkupono oni ricevas donacon kaj la ilust prezaron.

POR HELPI NIAN PROPAGANDON abonu vin al nia monata revueto « Ardena Stelo ». Jarabono : Francujo Fr. 1 alilandoj Sm. 0,60. Adreso : 40 strato Baron Quinart, Charleville, Francujo, Ardennes.

KORESPONDADI kun alilandanoj deziras klubo « J. A. Komensky » en Chrudim Bohemujo pri ĉiuspeca temo, precipe pri filatelio, naturhistorio kaj pri frazeologio esperanta. Oni respondas ĉiam. Ankaŭ la S-inoj bonvolu partopreni. La abelkulturistoj estas petataj alsendi siajn adresojn.

DANKESPRIMO. — S-ro Milĉo Georgieff, konsulo por turismo el Sofia. (Bulgarujo) kore dankas S-ron José Mariette, Del. de U. E. A. kaj lian familion en Hennebont (Morbihan, Francujo), ke ili lin akceptis tre afable kiel gaston en sia domo dum la tuta semajno, kaj S-ron Stefan Minkoff, Subdel. de Ivry-sur-Seine, apud Parizo, ke li afable, akceptis esti lia kunulo en Parizo.

GRAVA PROPONO DE ĤINA DEL.' DE U. E. A. — Pardonu min, gesamideanoj ! Mi akceptas la saskon de Del. por propagando kaj unuigo de ĥina Esperantistaro ; sed ĉar mi havas personan aferon kaj ne ripozon, nun mi ne okupas servadon, tamen koresp. kaj resp. ĉiam laŭ peto. Del. K. Ĉ. Ŝan.

RIPREZENTADO. — F. Peake Sexton A. R. C.S., A. M. I. E. E. deziras riprezenti en Anglujo, fremdajn elektrajn aŭ inĝenierajn firmojn. Li zorgas pri teĥnikaj patentoj. Clarence Chambers, London Rd., Kingston-on-Thames. Anglujo.

ADRESŜANĜO. — D-ro J. E. Place, reĝa bestkuracisto, antaŭe en Mandalajo Burmujo, sciigas al amikoj novan adreson. Poŝtejo 488 Adelaido, Sud Australio. Kun korega novjara saluto.

POŜTMARKOJ. — S-ro E. Petitimbert, Paris (Francujo) 32, rue Albouy dez. interŝ. P. M. kun ĉiuj fremdaj samideanoj. Li preferas valoron ol kvanton kaj sendos tuj kiel interŝanĝon malnovajn francajn kaj de franaaj kolonioj P. M. Oni povas komenci sendaĵon sen skribi antaŭe. Li ne estas komercisto.

RIPREZENTADO. — D. Mazzini Vipote Genova, Italujo, serĉas riprezentadon por Italujo de fremdaj firmoj por la vendado de kafo, feloj, produktoj por tanistoj, ĥemioj, oleoj, sebo ktp. Oni korespondas esperante.

LIBERTEMPEJO. — Kiu franca familio akceptas dum la venonta julio germanan instruiston 30 jaran, kiu donus kompense al la gefiloj germanajn lecionojn ? Oni bonvolu sin turni al Fritz Pfaff instruisto Worms, Germ.

JUNULO. — Jam loĝanta en Anglujo serĉas situacion « au pair » ĉe Angla Edukejo. — Skribi al F. Durieux, konsulo de Esperanto, 71, rue de Bouvines, Lille (Francujo).

## MARŜO DE LA ESPERANTIANOJ

Marŝu antaŭen, Esperantianoj,
Avangardo de la batalantoj
Por la paco, pioniroj fervoraj,
Vi, dissemantoj de vivo kaj am'!...
El ĉiuj landoj, de ĉiuj rasoj,
De ĉiuj partoj kaj religioj
Liviĝu unu voko, leviĝu unu kanta,
Parolu unu lingvon, parolu Esperant'!

L. Scarselli.

N. B. — Por akiri muzikajon de tiu poemo, sin turni ĉe n. E. O. aŭ ĉe l'aŭtoro en Firenze. via del ·'Agnolo 48.

Prezo : Sm. 0.50 (Fr. 1.25).









*La Administranto (Gérant) :* Michaud

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).




# ESPERANTO-OFICEJO

**Sinjorino FARGES, 36, strato Victor-Hugo, LYON (Franclando)**

*Ricevinta la I-an premion en la konkurso de U. E. A., en la V-a kongreso en Barcelona*

Informejo por la fremdaj geesperantistoj. Centra propagandejo por la Rodana regiono.

Vendejo de ĉiuj Esperantistaj libroj kaj jurnaloj kaj generale de ĉiuj Esperantajoj.



## BUSTO de D-ro ZAMENHOF

*Verkajo de Jean CHOREL*

Lyon'a Skulptisto, Medalita de la Paris'a Salono. — La Majstro pozis speciale en Lyon je Septembro 1909-a.

Gipsa kopiajo alta je 18 cm., larĝa je 13 cm., en kartonskatolo

Prezo nete : **5 frankoj - 2 $**

Gravaj rabatoj por la Esperanto-Oficejo

Ligna kesteto (1 fr.) estas rekomendata por la sendoj al fremdaj landoj

La aĉetanto pagas la sendelspezojn plie

**Silkaj Esperantistaj flagetoj** (4cm sur 6cm), **fiksitaj sur pingloj. — Silkaj ĉiunaciaj flagetoj** (4cm sur 6cm), **fiksitaj sur pingloj**

Ĉiu flageto : **0** fr **20** (0 $ 08)

*Specialaj prezoj pogrande por la Oficejoj, Grupoj kaj Societoj*

**LYON** — 20 malsamaj poŝtkartoj kun vidajoj de la monumentoj.

**VIENNE** — 20 malsamaj poŝtkartoj kun vidajoj de la antikva romana urbo.

*Kun klariga teksto en Esperanta kaj Franca lingvoj*

| | |
|---|---|
| La kolekto da 20 | **0** fr. **85** (0 $ 34) |
| — 100 | **3** fr. **50** (1 40) |
| — 500 | **15** fr. **50** (0 20) |

**4 malsamaj poŝtkartoj pri la Ruĝa Kruco Esperantista**

(eldonitaj de la Lyon'a Esperanto-Oficejo)

| | NIGRAJ | KOLORIGITAJ |
|---|---|---|
| La kolekto | **0.40** (0 $ 16) | **0.60** (0 $ 24) |
| 100 | **4.00** (1 60) | **6.50** (2 60) |
| 500 | **18.50** (7 40) | **21.00** (8 40) |

**SAINT-ETIENNE.** — 12 malsamaj poŝtkartoj kun vidajoj de la monumentoj, kaj kelkaj vidajoj de Rochetaillée.

La kolekto : **0** fr. **50** (0 $ 20)

**Esperantistaj Sigelmarkoj** (verda stelo sur blanka fundo kun la vorto « *Esperanto* ») gluhavantaj sur la dorsa flanko, gluigotaj sur leterpaperoj, kovriloj, afiŝoj aŭ en kunvenejoj kaj vagonfakoj. Bonega propagandilo.

| | |
|---|---|
| 500 markoj | **1** fr. **50** (0 $ 60) |
| 1.000 markoj | **2** fr. **50** (1 $ ») |




**La Firmo S. FARGES estas :**

La plej granda presejo kaj eldonejo de poŝtkartoj en Lyon ;

La plej granda vendejo kaj interŝanĝejo de poŝtmarkoj en Lyon.




*Oni sendas kolektojn por elekti kontraŭ monsumo*

La « Esperanto-Oficejo » deziras ricevi broŝuretojn, foliojn, specimenojn kaj proponojn pri propagando kaj komerco.

---

**50 Jara sukceso!**

## OSIJEKA VIZAĜPOMADO KAJ OSIJEKA SALVATOR-SAPO

*forigas lentugojn, kaj ĉian malpurajon de l'vizaĝo*




**Malfalsa nur en la Salvator apoteko**

## J.-C. DIENEŜ, OSIJEK (Essegg) (Kroatujo)



1 vazeto da osijeka vizaĝpomado kostas po 70 heleroj kaj po 1 Krono (1 Krono = 100 h. = 42 spesdekoj) ; 1 peco da Salvator-sapo 1 K. Unu vazeto da manŝmirajo 1 K. 20 h. Lyona pudro, malgranda skatolo 1 K. granda skatolo 2 K. Tiuj ĉi rimedoj ne havas domaĝajn konsistajojn kaj tutege respondas al la regularo de la alta registaro.

**KIAL ESTAS UZOTA NUR**

## « MIRANDA-KREMO » ?

Ĉar *Miranda*-Kremo estas perfekte nedomaĝa, ĉar per « **Miranda-Kremo** » **oni atingas idealan belecon,** ĉar *Miranda*-Kremo forigas ĉian malpurajon de la haŭto, ĉar *Miranda*-Kremo ne nur **plibeligas,** sed ankaŭ **junigas.** Unu vazeto da « **Miranda** » **Kremo** kostas 1 K. Unu skatolo da « **Miranda-pudro** » (trikolora) 1 K. unu peco da « **Miranda** » **sapo** 70 h.

Ricevebla ĉe la produktanto **J.-C. DIENEŜ,** post Osijek, supera urbo, de kie mendoj per poŝtpago tuj efektiviĝas.

La korespondado kun la **Salvator-Apoteko,** de **J.-C. Dieneŝ** estas ankaŭ en la lingvo **Esperanto** krom la lingvoj germana, angla, franca, itala, latina, kroata, serba, aliaj slavaj lingvoj kaj la magyara.

La korespondanto de firmo J.-C. Dieneŝ estas Drag. Mirko Kaniĉar, Delegito U. E. A.

---

# HOTELO

## LOUIS-LE-GRAND

**2, rue Louis-le-Grand, PARIS**

En belega loko, inter la rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.

---

BORDEAUX-VINOJ

# Firmo Emile LAMY, Posedanto

*BORDEAUX (Franclando)*

Vinoj de Tablo. Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo aŭ duonbarelo.

Vinoj Maljunaj. — Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo, duonbarelo, kvaronbarelo, aŭ per kesto, diversspeca.

*Likvoroj de Vinoj — Alkoholoj — Ĉampanoj.*

Sin turni al Sro **Arnoux,** sola agento, 11, strato Chaligny, Paris (Franclando). Sendo de specimenoj laŭ peto. Oni korespondas Esperante.